# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo). — Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabonojpor kalendara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono. **Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur). — Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4.50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnements für ein Kalenderquartal 0.50 M. (0,60 M.) für jede Ausgabe. **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

**9a Jaro No. 8/9 B** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Aŭg./Sept. 1912**



# Kongresaj plezuroj.

## Festaranĝoj dum la 7a germana Esperanto-Kongreso.

Beleta poŝtkarto montris al ni la blazonŝildojn de du urboj, kiuj nin gasteme kaj volonte akceptis; ilin unuigis rubando kun la vorto Esperanto, en la mezo staris nia verda stelo. Danzig kaj Zoppot! Ni neniam forgesos la belan semajnon, kiun ni travivis en la du urboj. Danke ni sentis la respekton, la altestimon por nia sankta afero, oni ne mokis, oni ne ridis, kontraŭe, je ĉiu paŝo ni vidis kaj spertis, ke la estroj de la urboj kaj la loĝantaro ŝategas niajn laboron kaj celadon. Ĉio estis bonege aranĝita en la du urboj.

Nia sepa kongreso entute havis seriozan karakteron, oni energie laboris kun streĉitaj fortoj dum multaj kaj longaj kunsidoj por la beno kaj bono de nia movado. Ĉie kaj ĉiam oni bonege sukcesis, pro tio la bonhumoro kaj la gajeco de la esperantistoj estis konstante kreskantaj. Tion oni vidis kaj aŭdis dum la festaj tagmanĝoj, kiuj okazis en Danzig la 28an, kaj en Zoppot la 30an de Julio. Sennombraj estis la ŝercaj toastoj, kora rido kaj aplaŭdo sekvis. La eminentaj estroj de la urboj kaj talentaj esperantistoj ĝojigis la ĉeestantaron per spritaj kaj humorplenaj paroladetoj. Multfoje oni parolis pri Sankta Petro, certe kun bona efiko, ĉar ni ĉiam havis belegan, varman veteron. Kelkafoje la suno preskaŭ tro somere bruladis, sed pluvis nokte aŭ dum niaj kunsidoj. Kiam ni eliris la ĉambrojn, la vetero denove estis sunbrila kaj bela.

Tia apelacio al Sankta Petro jam okazis sabaton vespere dum la salutkunveno en la belega, antikva „*Artushof*". Fraŭlino Guericke per sprita poeziajo rakontis al ni, ke ŝi venis el la ĉielo, sendita de Sankta Petro, por ĉion ekscii pri Esperanto. La deklamajo (verkita de profesoro Schultz) estis forte aplaŭdata, dum la tuta kongreso oni aludis kaj ŝercis pri ĝi. Alian ĉarman deklamon pri la sanigaj kvalitoj de Esperanto faris S-ro Ketterling. La tekston de tiu bela versajo verkis fraŭlino Cuno; ĝi estas publikigita en „*Deutsche Warte*" (Esperanta aldono) de la 15a nuna.

Tre bone sukcesis la teatraj prezentajoj, per kiuj oni ĝojigis la esperantistojn. Ili okazis dimanĉon, lundon kaj mardon. Dimanĉon ni vidis Esperantan komedion „La Milionheredajo", lundon grandegan germanan tragedion „Eberhard Ferber" kaj mardon la operon „Hänsel und Gretel", en arbaro luditan. Pri tiu ĉi lasta belega prezentado alia, pli kompetenta plumo

raportos, mi nur rakontos pri la du unuaj teatraĵoj, kiuj meritas plenan dankon kaj aplaŭdon.

La Milionheredaĵo. Tiu ĉi komedio estas germane verkita de nia samideano J. Kirschen, tradukita de grupo esperantista. Ĝi aperis en „*Rund um die Welt*", 1911. Kiam oni legas komedion, oni neniam estas certa, ĉu ĝi bone efikos. La temo estas nuntempa: maljuna sinjoro ŝatas kaj serĉas en aktaĵoj nur la poŝtmarkojn, dum la posedantino esperas, per la aktaĵoj akiri milionheredaĵon. Ĉu la serĉo estas sufiĉe amuza? Ĉu oni trovos la aferon kredebla kaj vidinda? Tion oni ne povis antaŭvidi, ĝi ankaŭ dependas de la cirkonstancoj. Ĉi tie la cirkonstancoj estis tre bonaj.

Unue: oni ludis sur scenejo, en teatrosimila ĉambrego. La aŭskultantoj sidis en seĝvicoj, plena silento regis en la halo. Nenia brueto malhelpis la komprenon, ĉiun vorton oni bone aŭdis. Tio neniam estas atingebla, se oni ludas en ĉambrego, kie la aŭskultantoj sidas ĉe tabloj, manĝante, trinkante. Tiam plena silento ne estas ebla. Oni ja ĉiam klopodas eviti bruon, kelkafoje oni tute ĉesas la servadon dum la ludo, oni eĉ fermas la pordojn, sed neniam la atento povas esti tiel bona, kiel en senmanĝa ĉambro. Due: oni ludis bonege! La maljuna sinjoro aspektis tiel amuze kaj tamen nature, ke oni ne estis en dubo pri lia intenco. Kiam li fine decidis peti la manon de la maljunulino, por akiri la markojn — — tiam la efiko estis venka! Kiel bone ankaŭ ludis la sinjorino, kiu por la filino deziregas heredi milionon! Ŝi sciis montri ĉiun delikataĵon de la teksto. Kiel direktantino de la ludo ŝi iomete mallongigis la dialogon. Neniu miros pri la perfekteco de la ludo, aŭdante la nomon Martha Schultz. Ankaŭ la tri aliaj aktoroj, la geamantoj kaj la servistino tre bone ludis. Bela prologo, parolita de F-ino Erna Staegemann, antaŭiris la komedion, kaj prezentado de S-ro Küssing en kostumo de aerflugisto treege amuzis la kongresanojn.

La sekvantan tagon ni denove havis okazon admiri la arton kaj povon de Danzigaj diletantoj. En germana lingvo ili ludis la „Germanan Festludon Eberhard Ferber" de nia samideano profesoro Schultz-Danzig. Ĉi tiun fojon la aktoroj havis veran scenejon je dispono, la „Kurtheater" de la eleganta „Kurhaus" en Zoppot, kun bonega akustiko kaj belaj kulisoj, kelkaj el ili nove pentritaj por la prezentado. Kiu ne sciis, ke tie ludis diletantoj, certe ne suspektus, ke ili ne estis profesiaj aktoroj. Ili ja certe havis bonan reĝisoron, kiu disdonis la rolojn kaj direktadis la ludon — — — jes, certe, ili lin havis, estis ŝi, fraŭlino Martha Schultz, la filino de la aŭtoro! Per ŝia natura talento, per la ama kompreno de la patra verko ŝi studadiĝis la ampleksan dramon. Facila la tasko certe ne estis: 52 personoj kunludis ne kalkulitaj la soldatoj, kavaliroj, burĝoj. Ĉiu bone sciis sian rolon, ĉiu ludis kun kompreno. Ili ŝajne ludis kun koro kaj animo, ili ja reprezentis siajn praavojn, sian propran genton. Membroj de la antikvaj familioj kunludis, rektaj posteuloj, portante la saman nomon de la drama heroo, sidis en la aŭdejo. Tio klarigas la fervoron kaj bonecon de la ludo, la intiman kontentiĝon de ĉiuj partoprenintoj. Same granda, kvankam el alia vidpunkto, estis la ĝojo kaj la plezuro de la kongresanoj. Ili ja de kelkaj tagoj admiris la majestecon de la fama Hansa-urbo Danzig, ili sentis ĉiumomente la kontraston inter la antikvaj konstruaĵoj kaj la nuna moderna loĝantaro. Per la dramo „Eberhard Ferber" la malnova tempo reviviĝis, ni ĝin havis antaŭ la okuloj, la homoj el la 16a jarcento prezentis sin al ni en veraj, historiaj kostumoj kaj per la vortoj de vera patriota poeto. Pli valoran donacon oni ne povis imagi por la sciemaj gastoj, ili esprimis sian dankon per senfina aplaŭdo. Tio estis efektive valorega aranĝo, pretigita en Danzig, prezentita en Zoppot. Ambaŭ urboj, la sindona aŭtoro kaj ĉiuj helpantoj meritas nian plej sinceran dankon. La lasta plezuraranĝo de la laborplenaj kongrestagoj estis la ekskurso al Hela. Hela estas simpla banloko je la fino de mallarĝa terstrio, kiu duonfermas la golfon de Danzig. La ŝipveturado estis vera refreŝigo, la ripozo sur la sabla marbordo aparta ĝuo.

Post lo reveno al Zoppot okazis en la „Kurhaus" gaja danco, sed nur ĝis la 11a, tiam oni aŭdis la bone konatan, duongajan: „Adiaŭ, ĝis la revido", senfine ripetatan. Finita estis la bela 7a Germana Esperanto-Kongreso.

• • •

Sed la esperantistoj estas nelacigeblaj. Ili elpensis antaŭ- kaj postkongreson, nun ankaŭ okazis

## Interkongreso!

En la salonego de Zoppot ni vidis grandliteran skribaĵon kaj liston kun la invito: Venu Königsbergon! La programo estis tre alloga, ie ni ja devis resti inter Danzig kaj Krakaŭ — — kial ne viziti la belan urbon Königsberg i. Pr. kaj la faman Marienburg? Nia altŝatata samideano D-ro Nitz pretigis la ekskurson, ni fidis al li kaj trovis riĉan, surprize belan aranĝon. Simile al la holanda ekskurso, aranĝita de f-ino Boon post la Antwerpena kongreso, ankaŭ ĉi tiu ekskurso bone sukcesis.

Unue 4 subskriboj, poste 20, fine ni estis 44. Kaj kiel gajaj! En la kupeoj kiom da amuzado! Post mallonga veturado ni atingis la urbeton Marienburg, fama pro sia belega kastelo.

Kia impona konstruajo! La Marienburg estis samtempe fortikajo, kastelo, kvazaŭ monahejo kaj preĝejo. La kuraĝaj, bravaj kavaliroj, kiuj ĉi tie loĝis, alterne preĝadis kaj militadis. Piecon kaj batalemon, tion atestas la pompa kaj majesta konstruaro, la skulptajoj, pentrajoj kaj bataliloj. Riĉeco kaj povo ĉi tie regis, sed ankaŭ la teruro ne mankis. Kruela kaj kruda estis la antikva tempo! Ni ĝin respektu, sed ni progresu al pli mildaj kutimoj. — —

Post gaja tagmanĝo en la hotelo Marienburg la feliĉaj kaj pacemaj esperantistoj veturis al Königsberg, kie grupo de amindaj samideanoj nin afable salutis. La vetero estis varma kaj bela, tial ni kunvenis vespere, laŭ la programo, en la ĝardeno de la „Stadthalle" apud la kastellago. Ĉe la vorto „kastellago" ĉiu Königsbergano korridetas. Prava li estas, ĉar la kastellago estas vera, aparta juvelo. En la mezo de la urbo ĝi kuŝas, ĉirkaŭata de promenejoj kaj ĝardenrestoracioj. Jen ankaŭ ni nun sidis, ni esperantistoj, en familia rondo kun la loka grupo. La ĝardeno estis ornamita per la bone konataj flagetoj kaj girlandoj de la firmo Neumann-Dresden, la boatoj, en kiuj ni poste remis sur la lago, havis lampionojn kun la verda stelo kaj kun la vorto Esperanto. Ĝis post la 12a horo ni ĝuis la restadon en tiu ĉi bela loko, dum bela, varma, somera nokto.

La sekvantan tagon la samideanoj montris al ni la kastelon, la katedralon, borson, havenon kaj universitaton. Königsberg estas bela urbo, baldaŭ ni sentis nin tie hejmece. La programo enhavis kvar tagojn.

Ili preskaŭ ne sufiĉis, ĉar ĉiutage ni vizitis unu el la proksimaj banlokoj: Rauschen, Cranz kaj Neuhäuser. Ili estas komfortaj, malluksaj sed bonprovizitaj. Belega marbordo kaj arbaro proksimege ĉe la maro, tre rekomendindaj.

La plej interesan ekskurson oni konservis ĝis la lasta tago: dimanĉon, la 4an de Aŭgusto ni vaporŝipis al la „Kurische Nehrung" kun la vilaĝeto Rossitten. Frumatene ni forveturis kaj revenis vespere, brunigitaj, freŝigitaj, kvazaŭ ni faris grandan vojaĝon.

Kiu neniam vidis tian „Nehrung", tiu ne povas imagi ĝian strangecon. Ĝi estas longa, mallarĝa terkolo inter la maro kaj la golfo. Tiel mallarĝa ĝi estas, nur 1 ĝis 3 kilometrojn, ke oni ne komprenas, kial la maro ne ĝin disrompos, disŝiras. Sed la maro alimaniere, pli ruze atakas la terstrieton, konstante ĝin minacante. La ondoj senĉese de l'nordo jetas sablon sur la bordon, la sablo amasiĝas, montetoj formiĝas. De l'supro de la montetoj senĉese sablo fluetas malsupren je la suda flanko, kaj tiel iom post iom dum la jarcentoj tiuj ĉi montetoj sin al la suda direkto antaŭenŝovas, ili migradas. Fine ili atingas la sudan bordon de la terstrio. Se vilaĝo tie kuŝas, la migranta sablomonteto ĝin enterigas. Oni trovis sur la „Nehrung" restajojn de malaperintaj domoj kaj tombejoj. La migranta monteto ne haltas, ĝi fine glitadas en la golfon, ĝin sablumante pli kaj pli.

Sed la homo sin defendas, li serĉas rimedojn por haltigi la sablomontetojn. Oni jam de longe provis surplanti kreskajojn, sed ĉiu penado estis vana. La vento ĉiam denove elŝiris la kreskajojn, jetante ilin tien kaj ĉien. Sed antaŭ nelonge geniulo elpensis rimedon. Ĉiu pinarbeto, kiun oni plantas, nun ricevas kiel unuan nutrajon iom da argilo. La argilo, kiu ĉirkaŭas la radikojn de la juna arbeto, konservas pli bone iom da malsekajo, la radikoj fortikiĝas, ili trakreskas la argilon kaj tiam sin povas teni, la arbeto povas kontraŭstari la venton. Tial la „blankaj montoj" fariĝas iom post iom „nigraj montoj". Ni esperu, ke la homo venkos la naturon.

La minacata per la sablo vilaĝo Rossitten aspektas tute komforta, preskaŭ riĉa. Infanoj vendis korbetojn el junkoj, plenajn je floroj. La gastotablo estis bele ornamita per floroj . . . . . florojn ni ja ne atendis en la sabla dezerto.

Alian surprizon ni trovis. Nia samideano D-ro Haller jam antaŭ du tagoj forlasis la karavanon, por studadi ĉi tiun interesan regionon, nun li salutis nin kvazaŭ Rosittenano. Li ĉion sciis, ĉion klarigis. Dum la tagmanĝo li faris ŝercan paroladon, li nin salutis en la nomo de la „loka grupo Rositten", kiun li fondis, kies prezidanto kaj sola membro li estis!

Nu, tio ja nur estis ŝerco, tamen ni esperu, ke ĉie kresku kaj floru nia kara Esperanto, ke diligento ĝin ŝirmu kaj konservu.

Ĉi tio estis la fino de la Königsberga ekskurso. Post la reveno al la gastema urbo ni ankoraŭ unu fojon kunvenis malfruvespere apud la kastellago, kiu aŭdis nian dankon, adiaŭon kaj nian: „Ĝis revido!"

*Marie Hankel.*

---

## La prezentado de „Hänsel kaj Gretel" en la arbaroperejo apud Zoppot.

En nia tempo de luksego pli kaj pli forte aŭdiĝas la deziro pri reveno al la naturo. En la brusto de homoj, dorlotitaj per ĉia komforto, vekiĝis la sopiro al simpleco. Tial multaj, kiuj kutime ĉirkaŭas sin per ĉia komforto grandurba, somere deziras vivi por kelka tempo en la kamparo; tial ankaŭ tiuj, kiuj kutimiĝis al plej luksega aranĝo de teatraj scenejoj, eksentis emon, ĝui teatran prezentadon en arbaro, kie la naturo mem kreis la dekoracion simplan, sed efikan. Tiel ekestis la prezentado de dramoj kaj operoj en la arbaro.

La partoprenantoj de la ĉi-jara germana Esperanto-kongreso trovis okazon, viziti la arbaroperejon apud Zoppot. Oni prezentis „Hänsel (par. Henzel) kaj Gretel", triaktan muzikludon (operon) de E. Humperdinck. Miloj da homoj pilgrimis de Zoppot tra la arbaro al la loko, kie okazas la prezentadoj. Sur malkruta deklivo de monteto amfiteatre staras la seĝoj por la aŭskultantaro, kiuj baldaŭ pleniĝis de homoj gaje babilantaj. Sed iom post iom la babilado silentiĝis; ĉar la vesperiĝo en arbaro ensorĉis ĉiujn per sia ĉarmo. Mi devas konfesi, ke rilate la prezentadon mi estis iom skeptika. Ĉu en la vasta, senlima spaco la sonoj ne perdiĝos, disflugos en la malproksimecon? Sed jam aŭdiĝas muziko: anstataŭ la kutima sonorilado oni ludis la du unuajn taktojn de la uverturo, por atentigi la vizitantojn. Mi aŭskultas. De kie venas la sonoj? Klare kaj precize ili sonas tra la pura aero vespera. Do mia timo koncerne la akustikon estas forigita. Sed kie do okazos la prezentado? Scenejon oni ne vidas. Nur alta kaj larĝa branĉa plektaĵo staras antaŭ ni, kvazaŭ gardanto de alia, sorĉa mondo.

Jam la uverturo eksonas, kaj ree mi ĝojas pri la mirinda klareco de l' sonoj. Ĉu la aero mem komencis sonadi, kantadi?

Kaj nun okazas io vere fabela: la branĉa plektbarilo moviĝas, senbrue ĝi disiĝas al ambaŭ flankoj. Antaŭ niaj okuloj kuŝas arbara monteto, sur kies deklivo staras malriĉa kabano. Du infanoj troviĝas en ĝi: Hänsel faras balailojn, kaj Gretel sidas trikante sur la tablo. Germanan infankanton ili kantas:

„Diru, jen aŭdiĝas en pajl' kia bru'?
Malgranda ansereto jen marŝas sen ŝu'.
Ŝuisto ne havas botŝtipon por ĝi,
Tial ne ŝuetojn por ĝi faras li."



Bildo 1a: Hänsel kaj Gretel en la gepatra kabono (akto 1a)

Ĉar la frato plendas pri malsato, Gretel rakontas al li, ke la najbarino donacis poton da lakto, el kiu la patrino certe preparos rizan kaĉon. Frandeme Hänsel tuj trempas la fingron en la lakton, por gustumi ĝin, kaj pro tio li estas mallaŭdata de sia fratino, kiu admonas lin labori (Bildo 1a). Sed li proponas, ke ili dancu, kaj tuj Gretel ĝoje konsentas kaj komencas instrui la dancadon al Hänsel.

„Venu, frato, dancu ni!
Ambaŭ manojn donas mi.
Venu do, sekvu min,
Kaj nun turnu vin je l' fin'.
Per piedoj tap, tap, tap,
Per manetoj klap, klap, klap,
Venu do, sekvu min,
Nun rapide turnu vin!"

Pli kaj pli rapide ili turnas sin, ĝis fine ambaŭ faletas teren. En tiu momento eniras la patrino. Vidante, ke la infanoj petolis kaj ne sufiĉe laboris, ŝi volas bastonbati ilin. Sed ve! kurante ĉirkaŭ la tablon, ŝi terenpuŝas la poton da lakto. Hänsel kaŝe ridas pri tio, kaj la patrino, incitita per tio, sendas la infanojn en la arbaron, por serĉi fragojn. Ankoraŭ longe oni vidas ilin suprenkurantaj la monteton kaj saltantaj de arbo al arbo. — Lacigita la patrino sidiĝas apud la tablo kaj, plendante pri sia malriĉeco, ekdormas. — Jen aŭdiĝas gaja vira voĉo. La patro, iom ebrieta, revenas hejmen, rakontas al sia edzino, ke li vendis multajn balailojn, kaj donas al ŝi lardon, buteron, ovojn ktp. Poste li demandas pri la infanoj. Eksciante, ke ili estas en la arbaro, li riproĉas la patrinon, ĉar tie ja loĝas sorĉistino. Ŝi ne sciis tion, kaj li rakontas al ŝi pri sorĉistino arbara, kiu dum la nokto rajdas sur balailo tra la aero kaj revenas nur matene. Tage ŝi kaptas infanojn kaj ŝovas ilin en fornon, el kiu ili elvenas kiel kuko-infanoj.

. . . „Unu sorĉistin',
Mi scias ĝin,
Ja loĝas ĉe la arbara fin'.
Je nokta hor'
Ŝi rajdas for
Al ĉas' laŭ malnova sorĉa mor'.
For tra la kamen'
Ŝi forgalopas jen,
Super nia ter'
Tra la nokt-aer',
Sur balail'
Sen halt', trankvil' —
Tiel rajdas, tiel rajdas
Arbar-sorĉistinoj." . . .

Teruro ekkaptas la patrinon ĉe tiu rakonto, kaj dum ambaŭ kuras en la arbaron, por serĉi la infanojn, la verda plektbarilo fermiĝas.

* * *

Denove eksonas muziko, vigligaj sonoj, kiuj imagigas al ni la rajdadon de la sorĉistino, pri kiu rakontis la patro. Sed iom post iom la sonoj fariĝas pli trankvilaj. Ree disiĝas la plektbarilo, sed en alia loko ol antaŭe kaj pli larĝe, tiel ke nun ni vidas pli grandan parton de l' arbaro. Jen ĉarma aspekto: Gretel sidas sub arbo kaj kantante plektas florkronon. Hänsel venas kaj montras al ŝi sian korbeton plenan je beroj. La fratineto volas ornami lin per la florkrono, sed indigne li rifuzas ĝin, ĉar tia ornamo ne konvenas al knaboj. Li metas la kronon sur la kapon de Gretel, kaj opiniante, ke ŝi aspektas kiel la reĝino de l' arbaro, li donas al ŝi ankaŭ bukedeton kaj la korbon da fragoj kaj kvazaŭ adorante genuas antaŭ ŝi. Subite eksonas kukola voko. Petole la infanoj imitas ĝin kaj frandas samtempe la berojn el la korbeto. Manĝinte ĉion, ili memoras la patrinon, kiu punos ilin, kaj denove ili komencas serĉi fragojn. Nur nun ili rimarkas, ke vesperiĝis, kaj time Hänsel konfesas, ke li ne povas retrovi la vojon. Ĉio nun timigas ilin, la blanktrunkaj betuloj, la erarlumetoj, la vespera nebulo kaj plej multe la eĥo respondanta al iliaj vokoj. Teruriĝitaj ili premas sin unu al la alia. En tiu momento la nebuloj disiĝas, kaj malgranda griza vireto kun saketo sur la dorso aperas. Ĝi estas la sablo-vireto, kiu, ŝutante sablerojn en la okulojn de l' infanoj, alportas al ili la dormon.

„ . . . Kaj kiam tie ĉi
Ekdormis vi:
Jen ekvekiĝos steloj,
Kaj venos la anĝeloj,
Malsupren venos el ĉiel'
En luma hel'.
Do sonĝu, sonĝu dolĉe, pace!
Anĝeloj venos el ĉiel'
En luma hel'."

La vireto malaperas, kaj la dormemaj infanoj ekgenuas kaj diras sian vesperan preĝon. Poste ili ĉirkaŭprenas unu la alian kaj kuŝiĝas sin sur la muskon, kie ili baldaŭ ekdormas.

Subite hela lumo ekbrilas, kaj, laŭ la preĝo de l' infanoj, dek kvar anĝeloj venas malsupren tra la aero, ŝajne el la ĉielo; ĉar la elektra lumreflektilo komence lumigas nur la supran parton de l' monteto, dum la scenejo restas senluma, kaj nur dum la anĝeloj malsuprenpaŝas, la lumo akompanas ilin. Ili grupiĝas apud la dormantaj infanoj kaj rondepaŝas ĉirkaŭ ili, dum la orkestro ripetas la kanton de l' sablovireto (Jen ekvekiĝos steloj . . . .) kaj la vesperan preĝon. Kaj dum la tuta tempo kantas mallaŭte miloj da griloj, kaj blankaj papilioj ŝancelflugas dormeme kaj mirigitaj en la hela, blindiga brilo de l' lumreflektilo. Sur la malhela nokta ĉielo trembrilas klare la steloj, kaj la suproj de l' arboj dolĉe movetas kaj kantas murmure sian noktan kanton. Neforgesebla momento!

* * *

Kiam denove malfermiĝas la plektbarilo, ni vidas la infanojn dormantaj kiel antaŭe, sed la anĝeloj malaperis. Mateniĝas. La rosovireto alproksimiĝas al la infanoj, el floro li skuas rosgutojn sur ilin kaj vekas ilin per ĉarma kanteto. Gretel leviĝas unue kaj vekas la fraton. Ili rakontas unu al la alia, ke ili sonĝis pri anĝeloj, venintaj malsupren el la ĉielo, por gardi ilin dum la nokto; kaj malantaŭen en la arbaron, ili foriris. Kiam la infanoj rigardas tien, en hela brilo subite vidiĝas dometo, konsistanta el kukoj, kiun antaŭe kaŝis la mallumo. Maldekstre de ĝi staras forno kaj dekstre granda kaĝo, ambaŭ kunigitaj kun la dometo per barilo el kuk-infanoj.



Bildo 2a: Antaŭ la kukodometo (akto 3a).

Kun admiro la infanoj rigardas la sorĉaĵon, opiniante, ke la anĝeloj metis ĝin tien por ili. Hänsel aliras singarde la dometon kaj derompas peceton da kuko. Jen eksonas el la interno de l' dometo voĉo demandanta, kiu derompis ion de ĝi. Timigitaj la infanoj respondas, ke tio estis la vento, kaj denove ili frandas. Ree eksonas la voĉo, kaj la infanoj, ĉi tiun fojon jam tute sentimaj, faras la saman respondon. Sed nun la pordo malfermiĝas, kaj, ne vidata de ili, la sorĉistino elvenas, ŝteliras al la infanoj kaj jetas ŝnuron ĉirkaŭ la kolon de Hänsel (Bildo 2a). Ŝi invitas la gefratojn en sian dometon, promesante al ili la plej bonajn manĝaĵojn. Sed Hänsel sukcesis liberigi sin, kaj li volas forkuri kun la fratineto. Tuj la sorĉistino levas sian bastonon kaj per sorĉo ligas ilin al la loko. La arbaro malheliĝas, kaj la pinto de l' bastono komencas lumi. Ŝi kondukas la knabon, kiu fikse rigardas la bastonon, al la kaĝo kaj ŝlosfermas

ĝin. Poste ŝi reiras en la domon kaj alportas migdalojn kaj sekvinberojn por Hänsel. Al la knabino ŝi ordonas pretigi la tablon por tagmanĝo. Hänsel ŝajnigas sin dormanta, kaj la sorĉistino nesingarde laŭte parolas pri sia intenco, unue el Gretel baki kuk-infanon kaj poste, kiam la knabo estos pli grasa, ankaŭ el li. Pro ĝojo ŝi ekprenas balailon kaj rajdas ĉirkaŭ la domon. Reveninte ŝi vekas la knabon kaj ordonas al li, montri sian langon kaj fingron. Sed anstataŭ fingro Hänsel montras bastoneton, kaj trovante tiun tro maldika, ŝi denove donas al li frandajojn. Poste ŝi ordonas al Gretel, rigardi en la fornon, por vidi, ĉu la kukoj jam estas sufiĉe bakitaj. Sed Gretel, avertita de la frato, ŝajnigas sin mallerta kaj petas la sorĉistinon, montri fine retrovitajn infanojn. Ĉiuj kuniĝas la manojn kaj dankas Dion pro la savo; ĉar

„Kiam en danĝero ni,
Savas nin la man' de Di'."

(Bildo 3a).

La prezentado faris neforigeblan impreson je ĉiu aŭskultinto. La ĉarma muziko de Humperdinck, la bonega ludo de la artistaj geaktoroj kaj la tuta aranĝo sur la arbarscenejo ravis ĉiun, tion pruvis la tondra, senfina aplaŭdo, kiu aŭdiĝis post la fino de la opero. Ree kaj ree la plektbarilo devis disiĝi, kaj ĉiam denove la aktoroj povis akcepti la sinceran dankon de la entuziasmiĝita aŭskultantaro. Por ni esperantistoj la prezentado estis speciale rimarkinda pro tio, ke la rolon de Gretel ludis nia fame



Bildo 3a: Danko al Dio (Finalo, akto 3a).

al ŝi, kion ŝi davas fari. Intertempe Hänsel liberiĝis sin el la kaĝo, kaj kiam la sorĉistino kliniĝas en la fornon, Hänsel kaj Gretel puŝe ŝovas ŝin en ĝin kaj fermas la pordon. Saltedancante ili ĉirkaŭprenas unu la alian kaj kuras en la domon, por satiĝi sin per la bonaj frandajoj. Subite laŭta krako aŭdiĝas: la forno disfalegas, kaj samtempe la kukinfanoj de la barilo refariĝas vivantaj, kvankam ili restas kvazaŭ dormantaj. Sed kiam Gretel karesas iliajn vizaĝojn kaj Hänsel svingas la malsorĉigan branĉon, ili kuras antaŭen kaj dankas al la gefratoj pro sia liberigo. El la forno ili tiras la sorĉistinon rigide bakitan. Samtempe venas la gepatroj de Hänsel kaj Gretel kaj ĝoje ĉirkaŭprenas siajn konata „esperantista najtingalo", la reĝa saska kantistino S-ino Minnie v. Frenckell-Nast de la reĝa operejo en Dresden. Jam ofte ŝi ĝojigis la esperantistojn en Dresden per siaj belaj kantoj, sed nun ŝi montris sin la unuan fojon en opera prezentado al granda aro da samideanoj. Kaj vere, ŝi estis modela reprezentantino de tiu rolo, en kiu bone montriĝis ŝia ĉarmo kaj natureco kaj ŝia belega kantarto. La esperantistoj montris sian dankon al sia najtingalo per tio, ke ili transdonis al ŝi grandan florkronon kun verda stelo en la mezo. Bonega kunludantino (Hänsel) estis F-ino Magdalene Seebe, ankaŭ reĝa kantistino ĉe la operejo de Dresden. Ankaŭ la aliaj solaj roloj estis reprezentataj de

unuarangaj artistoj. La korestron direktis kun lerta mano S-ro D-ro Hess, ĉefo de la urbteatra orkestro en Danzig, kaj la tre kapabla reĝisoro estis S-ro Schaeffer de la urba teatro en Chemnitz.

Multan dankon meritas la urbestraro de Zoppot, precipe S-ro urbestro Woldmann, kiu kompleze havigis al ni la ĝuon de tiu ĉi bela prezentado. Ni montru nian dankon per tio, ke ni rakontu al niaj konatuloj pri la unika arbaroperejo de Zoppot kaj instigu ilin al vizitado de tiu ĉi admirindaĵo de la „norda Riviero".

*Wally Cuno.*

---

## Pri la plezuroj de la Oka.

Belegaj tagoj denove pasis en nia Esperantujo! Tagoj de serioza, sed kontentiga laboro, tagoj de l'ĝojo, de l'feliĉo! En la antikva pola urbo Krakovo, riĉa je interesaj vidindaĵoj, ĉi tiun fojon „kolektiĝis pacaj batalantoj". Ili kunvenis por festi kongreson, sendube ĝojiga fakto! Sed duoble hele brilis ĉiuj okuloj, en duobla ĝojo batis ĉiuj koroj tial ke ne nur kutima, ĉiujara kongreso, sed jubilea festo kunariĝis la esperantistojn. Dudek kvin jaroj estas pasintaj de post la viviĝo de nia Esperanto! „Densa mallumo" kelkafoje kovris la brilon de nia stelo, sed tagiĝo venis, ravanta niajn korojn! „Tagiĝo, tagiĝo radias en rond'. . .!" Kiel dolĉe sonis ĉi tiu kantado dum la kongressemajno, kiom ĝi plibeligis la feston! —

Mi havas la agrablan taskon, raporti pri la plezuroj de la kongreso. Ne partopreninte la antaŭkongreson en Wien, mi deziras diri kelkajn vortojn pri la belega akcepto, kiun aranĝis por la travojaĝantaj kongresontoj niaj fervoraj samideanoj S-roj Behrendt kaj Mahn en Breslau. Ĵaŭdon, la 8an de Aŭg., okazis tie agrabla kunveno de diversnaciaj geesperantistoj. La sekvantan tagon ili vizitis kaj admiris kelkajn vidindaĵojn de la urbo Breslau, interalie la „sabloinsulon" kun tre malnova preĝejo. Sed — ĉefa afero! La saman vesperon la urbo Breslau oficiale salutis la fremdajn gastojn! En granda salono de l'magistrata domo ili estis kunvenintaj, kelkaj centoj da homoj pleniĝis la ĉambregon, ĉar ankaŭ multnombraj neesperantistoj ĉeestis. Anoj de la urbestraro, konvinkitaj pri la utilo kaj neceseco de nia afero, per varmaj vortoj nin salutis. Bonege parolis S-roj Behrendt kaj Mahn, kun perfekteco ĉiam unu el ili tradukis esperanten, kion la alia diris germane kaj kontraŭe. La du sinjoroj per tio ebligis, ke ĉiuj ĉion povis kompreni. Ĉiuj fremdlandaj esperantistoj poste parolis kelkajn vortojn, esprimante ĝojon kaj dankon. La „Espero" ne devis manki, Breslaua sinjorino impresiĝe deklamis nian himnon en bela germana traduko. Tiu ĉi solena vespero sendube multe progresigis nian aferon.

La plimulto de la kongrespartoprenantoj alvenis en Krakovo sabaton, la 10an de Aŭgusto, posttagmeze, kaj ŝajnis al mi, ke por ni ĉiuj la unua, ne malgranda plezuro estis, rigardi la „Esperantourbon". Ĝojiga aspekto, ĉie kaj ĉie, kien ajn la okuloj sin turnis, brilis nia stelo. Ĉe la domoj flirtis inter la naciaj flagoj multnombre la niaj, per tio speciale distingiĝis la ĉefstrato Florjanska. En preskaŭ ĉiuj librovendejoj de la tuta urbo troviĝis Esperantaj libroj en la antaŭaĵo de l'montra fenestro, sur ĉiuj muroj, sur afiŝoj brilis en plej diversaj grandecoj nia stelo jam de malproksime. Kaj antaŭ ĉio la Akceptejo! Vere ĉarma hejmo! Ekstere ornamita per flagoj kaj girlandoj, interne provizita per ĉiaj utilaĵoj kaj komfortaĵoj: informejo, poŝtejo, vendejo, ekspozicio, skriboĉambro, sinjorina ĉambro, babilejo en libera aero kaj bufedo. Koro, kion vi pli bezonas? Kaj io tre laŭdinda: La akceptejo estis malfermita seninterrompe de la frua mateno ĝis la malfrua vespero. Senlace laboris tie niaj diligentaj Krakovaj kaj aliaj helpemaj samideanoj. Amuzaj estis ĉiutage la vendo kaj aĉeto de kongresgazetoj. Antaŭ la akceptejo kutime staris kelkaj polaj knaboj, parkere lernintaj kaj senĉese elkriantaj kun pola akcento „Kongresa-Bulteno", petante tiamaniere, ke oni aĉetu. Kvin Bultenoj aperis, kiuj informis la kongresanojn pri okazintaj kaj okazontaj aranĝoj. Ni esprimas ankaŭ en tiu ĉi loko varman dankon al la redaktoro, S-ro Maryan Dabrowski. Tre agrabla cirkonstanco estis la senpaga veturado per tramoj dum unu tuta semajno, tion donacis al ni la urbo Krakovo.

Sed nun al la efektivaj plezuraj aranĝoj.

Sabaton vespere okazis, anstataŭinte salutan kunvenon, varietea prezentado en la „Teatro de Novaĵoj". Je la granda ĝojo de ĉiuj gesamideanoj D-ro Zamenhof kun sia edzino ĉeestis jam ĉi tiun vesperon. Li sidis en unu el la loĝioj, kaj ni havis la senton, kvazaŭ troviĝis meze inter siaj infanoj la amata patro. Por montri al la fremdaj esperantistoj vere polan ludadon, oni prezentis unue malgrandan unuaktaĵon en pola lingvo, kies enhavo, laŭ diveno kaj vido (mi bedaŭrinde ne scipovas polan lingvon), estis unu el la ne tute malkonataj, komplikitaj amaferoj, kiuj tamen kontentige finiĝas. La dancoj, okazantaj en ĝi, estis tre belaj kaj multe similis al la germanaj. Forta aplaŭdo pruvis, ke la teatraĵo plaĉis al la aŭskultintoj. Solena kantado de nia himno, prezentita de la teatra ĥoro kaj ĝoje kunkantita de la kongresanaro, sekvis la teatraĵon. Poste

oni prezentis ŝercojn en Esperanto. Multe amuzis la kanto de „almozulo“: „Kial en Krakovo okazas la 8a Kongreso?“ Unu Krakovan delegiton oni reprezentis tre enamiĝema, kvankam liaj koro kaj animo apartenas al la Kongreso. Sinripeta rimo ĉe la fino de ĉiu strofo estis plezure kunkantata de la aŭskultantaro: „Nia delegit' — kongresema hom'. — La edzin' tiras lin konstante al dom. — Brava delegit' volus al Kongres'. — Sed edzin' krias halt', halt' sen ĉes'!“ Sekvis parolado pri „Centra Kuirejo“ de ĥina samideano, kiu bonege posedas nian lingvon, kaj kies ŝercoj tre efikis. Krom tio diversaj kabaretaj prezentaĵoj — inter ili dresitaj birdoj — amuzis la atentan kaj dankan publikon. Je noktmezo ni, t. e. kelkaj el la teatrovizitintoj, travagis ankoraŭ la dormantan urbon (Krakovo ja dormas de la deka horo vespere), fine sukcesante, ke malfermiĝis al ni unu gastejo, en kiu ni iomete vespermanĝis, ĉar pro ĝojo pri la feliĉa alveno en la kongresurbo ni estis forgesintaj, ke per nura spirita nutraĵo la homo tamen ne povas vivi!

Dimanĉa vespero. Mi tuj devas daŭrigi la raportadon pri manĝaferoj, ĝentile petante vian permeson, karaj gelegantoj. Ŝajnas, ke ne nur kelkaj, sed ĉiuj kongresvizitantoj tuj en la komenco bezonis fortigi sian korpon. Tio estas tute komprenebla! Por bone absorbigi riĉan nutraĵon al koro kaj animo, ankaŭ dum kongreso fortigita korpo estas unua kondiĉo.

Ĉi tiun vesperon la Pafista Domo de Krakovo estis transformita en unu grandan manĝejon. En ĝi okazis tielnomata Raŭto. Mi alvenis kun kelkaj sinjorinoj je la fiksita horo, tial miriĝis min la diro de jam ĉeestantaj samideanoj, ke „por ricevi ankoraŭ ion manĝeblan, granda rapido estas necesa“. „Strange“, mi pensis, „tion mi ne komprenas!“ „Mi ja supozis, ke oni sidos ĉe tablo, tablego kaj ke komplezaj kelneroj prezentos al ni manĝaĵojn, — sur la programo ni ja legis „Komuna festmanĝo“! Nu, en Krakovo oni alie festmanĝas! Enirinte la salonegon, mi opiniis min transmetita en grandegan abelujon. Tia svarmado, babilado, interkonatiĝo! Amuza, gaja vivado! Maldekstre en la ĉambrego troviĝis longega tablo, surmetita per ĉiuspecaj manĝaĵoj. Laŭlonge de la muroj ekzistis sidlokoj. Ĉiu veninto rapidis, rapidegis „ekkapti“ de sur la tablo iun bongustaĵon, kaj starante aŭ sidante, eĉ promenante en la salono, oni tuj ekmanĝis. En apudaj ĉambretoj estis okazo, trinki laŭ plezuro. Sur la galerio ludis pola muzikistaro fajrajn, naciajn melodiojn, sed pli ol unu fojon estis ankaŭ aŭdeblaj la hejmecaj sonoj de „Espero“ kaj „Tagiĝo“. La Majstro kun familio ĉeestis, al li oni faris ovacion, portante lin tra la salono.

La tuta Raŭto eksterordinare vigliĝis kaj gajiĝis la partoprenantojn. Ĝi estis interesa tial, ke oni ne nur reciproke konatiĝis, ne nur amuziĝis kaj manĝis, kvankam la manĝado daŭradis dum la tuta vespero, sed oni ankaŭ havis agrablan impreson de vera pola vivado! Nur je la unua nokte la gajaj manĝintoj disiris.

Jubilea kongreso! Lundon ni festis la jubileon. Je la 8a kaj duono vespere la grandega salono de la Malnova Teatro, kie havis lokon ankaŭ ĉiuj ĉefaj kunsidoj, estis plenigita ĝis la lasta loko, ĝi estis ne nur sid-, sed ankaŭ starejo. En niaj manoj troviĝis programo multon promesanta, sian afablan partoprenon konsentis jenaj geartistoj: S-inoj Szayer, opera kantistino, — Wysocka, dram. artistino, — S-ro Bieganski, art. dram. — la Krakova vira ĥoro, direktita de S-ro Barabasz kaj Wallek-Walewski, kaj orkestro de S-ro muzikestro Sitter. La laste citita orkestro salutis la kunvenintojn per gaja, laŭtega muzikaĵo: la Polonezo en A-dur de Chopin potence resonis en la salonego, ĝi estis inda saluto. Dua numero: „Vira ĥoro“, kiu prezentis sub direktado de la komponisto Wallek-Walewski „Jubilean Kantaton“ de A. Grabowski, kiu gloras en ĝi nian Majstron kaj lian verkon. Majesta impreso! Sekvis nun bonega, sprita festparolado de S-ro Leo Belmont. „Frenezuloj“!, li nin alparolis, „kial tia ofendo?“ „Ĝi ne estas ofendo! Ĝi estas karakterizo!“ Per trafaj vortoj, en prozo kaj poezio, li nun klarigis, kial ni estas „frenezaj“ — ĉar en mil gazetoj oni legas, ke artefarita lingvo estas neeblaĵo, ke nia Majstro nin trompis, ke ni ne parolas, sed eble — bojas aŭ miaŭas ktp. Li prave diris, ke ni rajtas esti fieraj pro tia frenezaĵo — li tiel konvinke parolis pri la genieco kaj homamo de D-ro Zamenhof, tiel konvinke pri la taŭgeco kaj vivopovo de nia Esperanto, — ke eĉ la plej obstina kontraŭulo devus konvertiĝi, se — li estus kompreninta nian lingvon. Por ni esperantistoj la parolado estis granda ĝuo kaj plezuro, ankaŭ pro tio, ke ni nun plenrajte povas nomi D-ron Zamenhof „nia Majstro“! S-ro Belmont ja diris: „En unu punkto ni ne povas obei, ne estas eble, diri „malmajstro“, la „majstro“ do restu!“

Estis nun la vico de S-ino Szayer, kiu, verde vestita, kantis Esperantokantojn, „Ŝpinistino“ kaj aliajn. La aŭskultantaro estis ravita, oni „superŝutis“ ŝin per aplaŭdoj kaj floroj. Saman entuziasmon montris la publiko al S-ino Wysocka, kiu poste ludis la ĉefan rolon sinjorinan en „Mazepa“, kaj al S-ro Bieganski. Aplaŭdego rekompencis iliajn recitojn „Revo de l'knabino“ k. c. Viraj ĥoroj denove ĝojigis nin per diversaj belaj kantoj, kaj la lasta numero de la programo estis orkestra prezentado „Mazurko el la opero Halka“, ni jam antaŭsentis la

belan operon, kiun ni estis vidontaj vendredon. La jubilea vespero finiĝis per „unuvoĉa", entuziasma kantado de nia „Espero".

Brila punkto de la kongreso estis sendube la komuna ekskurso al la mondfamaj salminejoj de Wieliczka.

Ofte oni aŭdis pri ili, oni deziris ilin viziti, ilin vidi, la 8a kongreso plenumis tiun deziron. Mardon tagmeze speciala vagonaro, konsistanta el dudek ses vagonoj, veturigis proksimume mil esperantistojn al la „loko de niaj revoj"; estis duonhora, agrabla veturado. Ĉe la stacidomo en Wieliczka salutis nin ĉarmaj konataj muziksonoj, tiuj de la himno, ludita de mineja muzikistaro, kaj poste la tiea urbestro, S-ro Aywas, per afablegaj vortoj nin akceptis kaj dankis S-ron Mikolajski, la kongresprezidanton. La entuziasmigitaj kongresanoj aŭdigis elkriojn: „Vivu Wieliczka", vivu Polujo!" Post mallonga piediro, marŝante laŭ la muziko de antaŭiranta orkestro, ni atingis la surteran konstruaĵon de la minejo, de kie ni, en tri karavanoj, per lifto enveturis la minejon, ĉiam dek personoj per unu fojo. Efektive, sento de fiera ĝojo ekposedis nin, kiam, kelkajn cent metrojn en la tero, ni konsciiĝis, ke ankaŭ tie povas regi samideaneco, lingva komuneco. Surprizitaj kun ĝoja miro, ni rigardis la vere mirindajn vidindaĵojn, konstruaĵojn de la minejo: preĝejoj kun altaroj, predikejoj kaj monumentoj de sanktuloj, ĉio arte skulptita el salo, grandaj kameroj magie lumigitaj, la tuta minejo ja estis belege iluminita je honoro de la kongresanoj. Kelkafoje oni sin opiniis en sorĉa lando, tiel majeste ĉio impresis! En la „Stacidomo" de l'minejo estis speciale por ni aranĝita bufedo, kie la ŝatata urbestro de Wieliczka mem estis gastiganto dum tiu ĉi posttagmezo. Tre afable li mem prizorgis kaj surtabligis manĝaĵojn kaj trinkaĵojn por ni. Solena momento, kiam niaj fidelaj akompanantoj, la minejaj muzikistoj, ankaŭ tie nin ravis per nia „Espero". Neforgeseblan aspekton prezentis belega lageto, meze en la minejo. Kiam ni preteriris la lagon, la orkestro, transveturante la lumigitan akvon sur larĝa boato, ludis polan kanton „Dio Patro". Tio estis solena, emocia momento . . . .

Tamen, kronita estis nia ĝojego, kiam en mirinde bela dancsalono, lumigita per ses elegantaj salaj lustroj, muziko eksonis kaj la feliĉaj gesamideanoj ekdancis! Imagu, kara leganto, ke dum kelkaj horoj ni estis marŝintaj, post forlaso de la lifto unue ankoraŭ pli en la profundaĵon, tiam en horizontala direkto eble unu mejlon, ni estis rigardintaj kaj admirintaj, manĝintaj kaj babilintaj — kaj nun ni devis danci! Ni, lacaj, lacegaj! Sed mi ŝercas, neniu ja devigis nin, ni ja volis danci, ni nepre ne volis malhavi tiun unikan plezuron, laŭ gaja melodio turniĝi en subtera dancsalono. La memoro pri tiu kvaronhoro restos neforgesebla. Pli ol unu „salŝtona" poŝtkarto flugis de tie supren al surteraj geamikoj, parencoj, gefamilianoj. Interese estis, studadi iomete la diversajn salojn. Ju pli profunde oni estas, des pli malhele aspektas la salo, plej profunde ĝi estas nigra. Kaŭzo de tio estas la haladzo, kiu ĉefe estiĝas per la ĉie brulantaj kandeloj. De el unu kamero ni vidis, iom malproksime, ministojn laborantajn. Per hakilsimilaj iloj ili deprenis, dehakis salon de la muroj; grandparte la akiro de salo nun okazas per eksplodigo. En kelkaj muroj ni vidis kavaĵojn, en kiuj la saltenejo, salamaso aspektis kvazaŭ frostiĝinta, iom malpura neĝo. Sed mi rimarkas, ke per tiuj lastaj frazoj mi deflankiĝis de mia tasko, rakonti pri „plezuroj", mi do revenu al ĝi kaj diru, ke ankaŭ tiun belan mardon la plezuroj finiĝis, kiel ĉio bela en la mondo. Ni subite troviĝis denove ĉe la lifto kaj post kelkaj sekundoj supre, sur la tero. Kiel stranga kaj mirinda la sento estis, kiam ni subite nin trovis profunde en la tero, tiel ĝoje kaj feliĉe ni tamen denove salutis la taglumon. Forlasante Wieliczka'on, la samideanaro adiaŭis kaj el tuta koro dankis S-ron urbestron Aywas, kiu kun granda aro da tieaj loĝantoj ĉe la stacidomo lastfoje nin salutis. La ekskurso estis bonege aranĝita, ĉio okazis en perfekta ordo, kaj sen ia akcidento la malsupren- kaj suprenveturadoj per lifto, tio estas tre laŭdinda.

La saman vesperon la kongresanoj kolektiĝis en Arĥitektura Ekspozicio, por ĉeesti diversajn prezentadojn muzikajn kaj deklamajn; el ili la unuakta komedio „Urso" de Ĝeĥov, tradukita de S-ro Devjatnin, estis ĉefnumero.

En la belega, ne antikva, sed Nova Teatro okazis merkredon vespere prezentado de la tragedio „Mazepa", majstra verko de plej fama pola poeto Slowacki kaj majstre tradukita de nia eminenta samideano A. Grabowski. Denove unu el tiuj nedifineblaj sentoj de atendo, espero kaj ĝojo ekkaptis nin, kiam ni, enirinte la teatron, okupis niajn sidlokojn. Ni vidos kaj aŭskultos tragedion, veran grandan tragedion en Esperanto! Tia okazo sin prezentis al mi unuafoje, mi tial ne estis tre ŝparema rilate la bileton kaj sekve de tio havis la bonan ŝancon, sidi proksime al gesinjoroj Zamenhof, kiuj okupis loĝion en la unua galerio.

La kurteno leviĝis, la ludado komenciĝis! Ho, hejma, hejmeca sono! Tio efektive estas nia kara Esperanto! Profesiaj polaj geartistoj: S-ino Wysocka, kiu jam ĝojigis nin per recitado dum la jubilea vespero, kaj S-roj Jednowski, Sosnowski, Stanislawski, Krysinska, Marjanski kaj Wegrzyn prezentis la teatrojon; ili bonege ludis, ili bonege

elparolis, ili vere vivis en nia lingvo. Mi komprenis ĉiun vorton. La tragedio faris grandan, fortan impreson, ĝi kortuŝis ĉiujn. Treege emocia estis la tria akto kun la enmuriĝo de Mazepa — ho, kruela malnova tempo! — Speciale varme oni aplaŭdis la ludadon de S-ino Wysocka (Amelja) kaj de S-ro Marjanski (Zbigniev). Entuziasma, preskaŭ nefinebla aplaŭdo rekompencis la geaktorojn post finiĝo de la prezentado, kaj kiam post eble ses- aŭ okfoja revoko al la artistoj la eminenta tradukinto aperis sur la scenejo kaj esprimis sian dankon al la geaktoroj, la ĝojego ne konis limojn. Por doni al ĝi indan esprimon, la entuziasmigita samideanaro kantis la Esperon, kiu potence resonis en la vasta teatra halo. Grabowski festis veran triumfon. — Agrabla kunveno poste aranĝiĝis en la Teatra Kafejo, lokita kontraŭe de la teatro. Ĉe vigla muziko oni ĝoje interŝanĝis siajn opiniojn kaj impresojn pri la teatra vespero, kaj nur longe post noktmezo la kongresanoj disiĝis.

En la ĝardeno de Arĥitektura Ekspozicio, jaŭdon, je la 5a posttagmeze, okazis la „Disdono de Premioj de la Literatura Konkurso“. Mi bedaŭrinde ne povis ĉeesti kaj tial raportos nur tion, kion oni rakontis al mi. Nova, bela aranĝo! La disdono de premioj havis lokon sub libera ĉielo, en ĝardeno. Sur neokupita muzikejo lokiĝis S-roj Rollet de l'Isle kaj Bourlet, la gvidantoj de tiu kunveno. S-ro Bourlet anstataŭis S-ron Cart. Sur seĝoj antaŭ la orkestrejo sidis la aŭskultantoj. La konkurso estis aranĝita de *„Pola Esperantisto“* kaj partigita laŭ tri temoj: Beletristiko, Poezio kaj Scienco. La ĉefa afero estis, ke oni postulis nur originalaĵojn, kaj la unuan fojon oni malfermis la kovertojn, enhavantajn la nomojn de la partoprenintoj, nur tie, senpere antaŭ la disdono de la premioj. En la unua klaso F-ino Schäfer por „Biografio de Byron“ ricevis la unuan premion, S-ro Sommer por „Memoro de Infano“ la duan. Por poemoj oni tute ne disdonis la unuan premion. La duan akiris S-ro Devjatnin, membro de „Esperantista Literatura Asocio“. Dua membro de la Asocio, F-ino Posenaer, akiris per sia poemo honoran mencion.

La vico de la plezuroj atingis nun tiun de la fama internacia balo, jaŭdon vespere, respektive nokte. En la Malnova Teatro, nun kvazaŭ hejmo, ni ankaŭ ĉi tiun vesperon estis afable akceptitaj. Granda parto de la samideanaro kunvenis je la 7a por komuna vespermanĝo. Ĉi tiun fojon ni sidis ĉe granda, ĉevalferforma tablo! Tie regis vera, gaja samideaneco. Ĉiufoje, kiam „kostumo“ aperis en la pordo, ĝi estis salutata per ĝoja aplaŭdo, kaj tiam komenciĝis interŝanĝo de aŭtografoj inter la gekostumitoj, kiuj vigle kaj gaje ŝercis unu kun la alia. Internacia balo! Jes, tion plej bone atestas la diversnaciaj belegaj kostumoj! Kaj mirinda sento de feliĉo ekregas la samideanojn, kiuj pripensas, ke ĉion ĉi ebligas Esperanto! Sed ni revenu al nia festeno. Ĉu ankaŭ la manĝaĵoj estis internaciaj? Ne, tio ne estas ebla! Koncerne ilin ni devis konsciiĝi, ke la balo okazis en Polujo. Malfalsa pola kolbaso kun acida brasiko estis la ĉefmanĝaĵo. Ne por ĉiu ĝi estis facile manĝebla; tamen unufoje oni devas ĝin gustumi, kaj al multaj ĝi bongustis, ankaŭ al mi. Spritaj tostoj de S-ro Mudie, la aranĝinto de tiu komuna festmanĝo, de S-ro Belmont kaj aliaj sinjoroj gajigis nin dum la manĝado. S-ro Behrendt faris toston je S-ino Zamenhof, la Majstro, dankante por ovacio al li farita, esprimis la deziron, ke ĉiuj gekongresanoj ĝisvivu la oran jubileon de Esperanto. Krom la dummanĝaj paroladetoj kelkaj kantoj — S-ino Mudie malfermis per bela kanto la vicon de l'prezentaĵoj — kaj deklamoj plibeligis tiun ĉi horon; do la balo komenciĝis en plej bona humoro. La dancsalonego nur malfacile povis enteni la anaregon da dancemaj esperantistoj; tamen, nur nun plene vidiĝis la beleco de la kostumoj. Efektiva plezuro, la aspekto de tiom da diversaj multkoloraj, ĉarmaj vestoj! En kostumoj ĉeestis: hindo, kaŭkazanino, hispaninoj kaj hispanoj, turkoj, ĥinoj, bulgaroj, hungarinoj kaj hungaroj, diverskostumitaj germaninoj kaj germanoj, gebohemoj, gerusoj kaj kompreneble multaj polinoj kaj poloj. (Mi petas pardonon, se eble mi forgesis citi iun nacion). La laste cititaj en siaj plejparte ĉarmaj vestoj, ravis la aliajn ĉeestantojn per prezentado de pola nacia danco „mazurko“, eksterordinare efika, fajra, vigla kaj vigliga danco. Plej grandan entuziasmon tamen kaŭzis la apero de nia estimata, ŝatata D-ro Rosenstock, kiu en frapanta simileco, preskaŭ sameco (ĉar lia vizaĝo efektive tre similas al li), reprezentis Napoleonon. Vere bela, impona figuro! Kun Napoleono en la mezo, la kostumitaj balpartoprenantoj poste estis fotografataj. La tuta festo impresis nin neforgeseble, — ĉi tiun fojon kompreneble ne sufiĉus, se mi dirus, ke nur „longe post noktmezo“ oni disiĝis. Mi volas diri, ke iom antaŭ plena tagiĝo ĉiuj, tutege kontentigitaj, atingis sian Krakovan hejmon.

Ankoraŭ unufoje teatra vespero! Antaŭ la kongreso la anonco, ke en Krakovo oni ludos „Mezepa“, jam ĝoje plenigis niajn animojn. Tiam kaj tiam aŭdiĝis ankaŭ la necerta sciigo: La opero „Halka“ de Moniuszko estos ludata en Krakovo. — Ĉu vere? — Jes! Pro ĝi ja ekzistis „dua teatro-vespero“; surprizo kaj ĝojo! La belega prezentado, la fortoplena, grandioze efika muziko forgesigis nin „ĉion teran“.

Denove profesiaj operaj ĝeartistoj ludis, la solaj roloj estis kantataj Esperante, la horoj en pola lingvo. Per same granda aplaŭdo, kiel ĉe „Mazepa", la publiko esprimis sian varman dankon. S-ro A. Grabowski, la ĝlora tradukinto de „Halka" kaj „Mazepa", denove festis triumfojn, oni senfine aplaŭdis liajn vortojn, diritajn sur la scenejo, kaj lastfoje dum tiu kongreso okazis komuna, solena kantado de la „Espero". Ĝi trasonis la grandan teatrohalon, ĝi resonis en niaj koroj. Lastfoje la „patro", D-ro Zamenhof, restis kune kun sia infanaro en la Teatra Kafejo; tie ni ankaŭ kantis ankoraŭ unu fojon la „Tagiĝo", kies melodio kaj teksto tiel ĝoje vigligas. Ŝajnas, ke tiu ĉi bela kanto fariĝos kvazaŭ nia dua himno. Kaj ĝi meritas tion esti.

Feliĉe la adiaŭo inter la kongresanoj povis esti prokrastata ĝis sabato kaj dimanĉo. Sabaton kunsidis ankoraŭ kelkaj fakanoj, posttagmeze estis ĝenerala fermkunsido. — Nun efektive venis la disiĝo; malvolonte oni forlasis Krakovon, la gastaman urbon, malvolonte la gekongresanoj disiĝis unu de la alia. Mi povis kompreni la larmojn de unu el la plej junaj kongresanoj, sinjoreto Eminowicz, kiu, renkontante min post finiĝo de l'kongreso ankoraŭ en sia hejmurbo, tuj ekploris kaj plendis: „Kial la kongreso ne ĉiam daŭras?" Mi plej volonte estus plorinta kun li, kaj tial nur malfacile sukcesis konsoli lin. Tamen, ni estu fortaj, mia amiketo! Post unu jaro ree okazos kongreso, kaj ĉu tiu ĉi espero ne treeĝe dolĉiĝis la adiaŭon? Cent — milfoje ja sonis tiu ĝojiga „Ĝis revido post unu jaro, ĝis revido en Ĝenovo!"

Mi deziras ankoraŭ danki, sincere kaj tutkore danki la kongreskomitaton, ne nur en mia nomo sed (mi pensas, ke mi povas preni sur min la respondecon por tio!) en la nomo de la tuta kongresanaro. La organizado de la Oka estis eksterordinare bona kaj bela, kaj ni nur povas deziri, ke la Naŭa ĝin imitu. Vivu Krakovo! Vivu la Majstro kaj lia verko!

*Johanna Zschepank.*

P.S. Mi preskaŭ forgesis diri, ke ja ne ĉiuj tuj disiris. Multaj ankoraŭ restis kune; unuj partoprenis postkongresan vojaĝon al Zakopane, en la „Hohe Tatra", aliaj veturis tra Prag al Dresden, kaj de tie hejmen. Multaj Okanoj ankaŭ veturis kun karavano al Budapest, por partopreni la Hungarlandan kaj Katolikan Kongresojn. Do, kiu estis nelaciĝebla kongresemulo, certe povis trovi kontentiĝon en la jaro de l'jubileo. *J. Z.*

## Klaas Olsen.

Marnoveleto de Otto Emmert.

Preskaŭ ĉiujare mi pasigas unu aŭ kelkajn libertempajn tagojn sur la duoninsulo Hela, kies bela vilaĝeto kun malpompa ŝipista preĝejo kaj malgrandaj puraj dometoj, kies lumturo kaj tombejo min forte allogas. Sed ne nur tiuj objektoj per mirinda sorĉo min ĉirkaŭas, ankaŭ la loĝantoj min ravas per siaj kutimoj, moroj kaj per sia honesta, sincera karaktero.

Kiel ĉiuj libertempuloj, kiuj volas resanigi trostreĉitan nervaron, mi pasigis tiujn tagojn per dolĉa nenionfarado, per longa kuŝado sur la marborda sablo, per banado aŭ promenoj.

Vespere ni bangastoj kunvenis sur la marponto kun ŝipistoj kaj fiŝkaptistoj el la vilaĝeto.

La loĝantaro, kiu ĝenerale estas tre malparolema kontraŭ fremdulo, estas al ni ĉiujare revenantaj afabla kaj sufiĉe interrilatema. La fideleco, kiun ni pruvis al ĝia duoninsulo, al ĝia hejmvilaĝeto, degeligis la glacion, kiu ĉirkaŭis la korojn de la loĝantoj, kaj inter ni ekestis eĉ amikeco.

Tiel mi iutage konatiĝis kun bonkora grizbarbulo, kiun mi okaze renkontis sur la marbordo. Mi alparolis kaj akompanis lin, kaj kvankam li komence estis silentema, li fariĝis iom parolema post kelkaj demandoj pri la nunjaraj fiŝkaptajoj kaj pri travivitaj dumvintraj okazintaĵoj.

„Kien vi iras, maljunulo?" mi demandis lin.

„Al la tombejo", li respondis, „por viziti la tombon de bona kamarado, de mia plej kara amiko — ĉu vi volas kuniri?"

Mi jesis per kapmovo, kaj post mallonga marŝo ni venis al la tombejo, kie li haltis antaŭ simpla, malluksa tombomonteto, ĉirkaŭplantita per hedero, el kiu trikoloretoj kaj violetoj modeste levis siajn kapojn. Ligna kruco ornamis la monteton, simpla ligna kruco kun la nomo de l' mortinto: *Klaas Olsen* kaj la mortotago: *18. 8. 1886.*

Sur apuda herbobenko ni enpenseme sidiĝis, kaj subite mi vidis, ke du dikaj larmoj brilantaj ruliĝis en la grizan barbon de mia kunulo. Konsoleme mi metis mian manon sur lian ŝultron, kaj kvazaŭ revante li diris:

„Vi ne konis lin — sed mi — kaj li estis mia plej fidela amiko. Multe da malfeliĉo li travivadis, pli da malfeliĉo ol aliaj homoj; dum lia juneco ja unufoje venis al li la feliĉo, kaj tio estis, kiam li edziĝis. Ho! ŝi estis unu el niaj plej belaj knabinoj, blondhara, bluokula kun vere ora koro. Sed la feliĉo ne estis longedaŭra.

Naskiĝis infanoj — unu — du — tri, kaj kun la tria ankaŭ venis la morto de la amata edzino. De tiu tempo malfeliĉo lin konstanta persekutis. Se vi volas, mi rakontos al vi pri lia morto."

Mi jesis. Ni ekbruligis niajn pipojn, kaj enŝovinte en sian buŝon novan pecon da maĉtabako, li komencis:

— Estis tago kiel la hodiaŭa. Klaas kaj mi iris laŭlonge la marbordon al la ponto, por tie atendi alvenantajn ŝipojn kaj albordiĝantajn fiŝistboatojn.

La lumturoj de Westerplatte, de Oxhöft kaj Heisternest ekbrilis, kaj ankaŭ sur nia lumturo eklumis la intermita fajro, kiu, kiel la vivo de rapide sin sekvantaj gentoj mortemaj, estingiĝas — eklumis — kaj estingiĝas.

En la interna haveno de Hela kviete balanciĝis sur la ondoj niaj barkoj, ŝalupoj kaj boatoj, inter ili tiu de Klaas Olsen, la barko 69. Sed tiu barko jam de longa tempo tie kuŝis. Dum niaj junulaj jaroj la fiŝkaptado ja estis profitdona, sed en tiu tempo, pri kiu mi rakontas, oni apenaŭ povis perlabori la plej necesan panon ĉiutagan. Precipe la retaj fiŝkaptoj de Klaas Olsen estis malsukcesaj, kaj tiuj malsukcesoj tute forrabis lian kuraĝon; ili faris lin indiferenta kaj apatia kaj lamigis lian entreprenemon. Malproksime de la Hela'a bordo oni ja povis kapti multe da fiŝoj, sed por tion fari oni bezonis pli fortikan barkon, ol tiun de Klaas; pli fortikan kaj pli grandan, kiu almenaŭ povas enteni 25 tunojn. Tial li pasigis la tagojn per trikado aŭ flikado de retoj, per riparado de barkoj aŭ boatoj de aliaj pli feliĉaj kaj malpli malesperantaj fiŝistkolegoj. — Krepuskiĝis. — Malantaŭ ni iu vokis: „Klaas!" — Ni turniĝis — la vokinto estis juna ŝipisto Ove Andersen.

„Kial vi ne plu marvojaĝas Klaas?" demandis Ove.

„Ho! oni ja nenion plu kaptas!"

Subite juna knabino nin preterpaŝis: Stine. Eĉ en la krepusko, kiu nun kovris la maron, ŝia blonda, rozeca beleco ekbrilis, kaj kontraŭ la malluma noktĉielo ni siluete vidis la molan, ĉarman linion de ŝia vango, la gracian konturon de ŝia belforma nuko, kaj kiel aŭreolo ĉirkaŭis ŝian kapon mirinda bukla orkolora hararo.

Klaas subite pensis, kiel bone estus, se li venigus tiun orfinon malriĉan en sian dometon, por ke ŝi al liaj tri infanoj anstataŭu la mortintan patrinon.

Li postiris la knabinon, dum ni restis sur la ponto, postrigardante ilin, kiuj nun unu apud la alia kiel ombroj malaperis en la krepusko.

Bone mi sciis, ke Ove adoris tiun knabinon, ke ankaŭ li volonte estus veniginta ŝin en sian kabanon, sed ne nur por varti infanojn senpatrinajn, ne nur por mastrumadi lian domon, sed kiel sian amatan edzinon.

Ove dorsapogis sin kontraŭ la balustrado, forte entiris la fumon de sia' pipo, enpoŝigis siajn manojn kaj meditis — meditadis. —

Silentaj ni longtempe staris kune, rigardante la maron, kiu nun briladis kvazaŭ fluidiĝinta metalo, kvazaŭ purpuro. —

Klaas iris kun Stine, kaj kiam li balbutante proponis al ŝi per sekaj, hezitantaj vortoj, fariĝi la zorganta patrino de liaj tri infanoj, Stine pensis al Ove Andersen. Sed ankaŭ Ove estis malriĉa kaj ne povus edzinigi ŝin, pro tio ŝi akceptis la proponon de Klaas Olsen, ĉar li almenaŭ prezentas al ŝi rifuĝejon kaj moralan ŝirmon. Kvankam ŝi neniam povus ami Klaas Olsen, ŝi do volus esti bona patrino por liaj infanoj.

La alian tagon ŝi transloĝiĝis el sia mizera kabano en la puran dometon de Klaas Olsen, kie multe da laboro ŝin atendis. Kaj dum ŝi flikis la jupetojn de l' knabineto, dum ŝi riparis jakojn kaj jaketojn de la knaboj, dum ŝi trikis ŝtrumpojn kaj ŝtrumpetojn per diligentaj, lertaj manoj, la tagoj pasis, kaj kun ĉiu tago pli intense, pli profunde ŝi pensis al bela, bluokula, blondhara fiŝisto, al soleca fiŝistkabano ĉe la fino de l' vilaĝo, al sia amata Ove Andersen; kaj pli ol unu larmo kaŝe ruliĝis super la dolĉajn vangojn. Kaj ofte, kiam ŝi estis sola, ŝin ekkaptis forta sopiro al pli bona estonteco.

Iun vesperon, kiam Klaas Olsen sidis en la gastejo, ŝi iris al la marbordo. La ŝipistoj pretigis siajn barkojn, ĉar la alian tagon favora vento estis forkondukonta ilin sur la maron. Ove jus enigis la grandan maston, kiam delikata mano tuŝis lian ŝultron.

Li turniĝis. — Stine! — li kriis, Stine, vi venas al mi! —

„Mi nur volas diri adiaŭ al vi", honteme ŝi respondis. — „Kaj oni ja ne scias, ĉu ni revidos unu la alian".

Sur la randon de la barko ili sidiĝis, li metis sian brakon ĉirkaŭ ŝia talio kaj longtempe ili sidis manliĝite en profundaj pensoj.

„Mi daŭre ne povas resti en la domo de Klaas Olsen", subite ŝi ekdiris; „li estas bonkora, sed neniam mi povas fariĝi lia edzino — neniam!" —

Ove komprenis. — „Estu pacienca, kara knabino, eble ni havos feliĉon, eble ni morgaŭ havos bonan kaptadon, kaj poste . . . ."

La alian matenon Ove kaj la aliaj fiŝistoj ekvojaĝis sur la maron kaj ĉiu jetis siajn retojn.

Ove vojaĝis pli malproksimen — ĝis la finnaj-rusaj marbordoj — kaj forrestis longan tempon.

Pasis tagoj post tagoj, semajnoj post semajn-

oj, kaj Stine vivadis en terura maltrankvilo. Ĉiam denove ŝiaj pensoj vagadis trans la maron; dum la noktoj ŝi ofte maldormis aŭ estis en sonĝoj ĉe sia amato, kaj kiam ŝi vekiĝis, la kapkuseno estis malseka de la larmoj, ploritaj pro la amato atendata. Ŝiaj vangoj de tago al tago plipaliĝis — kaj Ove ne venis. Ĉiun vesperon ŝi rapidis al la marponto, sopire atendante sian karulon — sed li ne venis. —

Jam ekkaptis forta maltrankvilo ankaŭ la aliajn vilaĝanojn pro la longedaŭra forestado de Ove Andersen, jam oni kredis lin pereinta, kiam iun vesperon la lumturgardisto signalis la alvenon de barko.

Armitaj per vidiloj, oni kuris al la marbordo, kaj kiam oni ekkonis la barkon de Ove Andersen, ekregis granda ĝojo inter la ŝipistaro de Hela.

Jes, li hejmenvenis! Pezan ŝarĝon da fiŝoj: salmojn rombofiŝojn kaj multajn, multajn aliajn li kunportis, kiujn li post purigado tuj veturigis Danzig'on. Kaj li hejmenportis ankaŭ oron, veran, brilantan oron, valorantan kvincent Markojn. Tian riĉajon ĝis nun neniu el la vilaĝeto posedis.

Al la virinoj, purigintaj la fiŝojn, li donacis po kvin Markoj. Al Klaas Olsen li prezentis la duonon de sia havajo, por ke li povu plibonigi sian mastrumon, por ke per tio ankaŭ Stine partoprenu lian feliĉon. Sed Klaas malakceptis lian monon; sed li konsentis, eĉ postulis, ke ili ambaŭ kune vojaĝu por fiŝkapti. Li imagis, ke ĉar Ove havis tian feliĉon, ankaŭ li havos ĝin.

Sed kio estas feliĉo? — Feliĉo nur estas ombro, feliĉon oni ne povas laŭvole venigi, kaj tiel la feliĉo ankaŭ tute ne venis en la barkon de Klaas. Pli ol dek fojojn ili forveturis eĉ al malproksimaj marregionoj, sed neniu vojaĝo havis la deziritan sukceson.

Malespero pri tiuj malsukcesoj, envio kaj jaluzo pri la pli feliĉa Ove naskis en la animo de Klaas neforigeblan malamon, kiu poste fariĝis lia propra pereo.

Iun tagon Klaas veturis sola sur la maron. Kvankam oni lin avertis, ke baldaŭ ekfuriozos ventego, ke jam nigraj nubaroj kunŝoviĝis sur la firmamento, ke oni jam de malproksime aŭdis tondradon, li persistis pri sia intenco.

Je la signalmasto sur la dunoj leviĝis la ventega pilko, avertante la ŝipistojn pri minacanta danĝero, sed Klaas tute ne atentis tiujn avertojn, li volis serĉi la feliĉon, se la feliĉo ne trovas la vojon al li. Li levis la ankron kaj kvazaŭ la ĉielo fine tamen volus porti la feliĉon al la kompatinda viro, la nubovualoj malaperis, kaj la unuaj radioj de la brilanta suno falis sur la ondiĝantan maron. Ankaŭ en la animon de Klaas venis radio de espero; li ekvojaĝis! Sur la marbordo staris ŝipistoj, virinoj kaj infanoj; inter ili Stine kun la tri Olsenidoj. Silentaj preĝoj de la restantoj lin akompanis. Kun kunpremitaj lipoj, kun malsekaj okuloj Stine postrigardis lin, ĝis la ruĝa flagrubando de lia barko malaperis sur la malproksima horizonto.

Stranga sento okupis Stine'on dum la hejmeniro, kvazaŭ ŝi neniam lin revidus. Du sentoj en ŝia animo reciproke sin kontraŭbatalis: la kompato al Klaas Olsen, amanta siajn tri infanojn, kaj la amo al Ove Andersen; la unuan ŝi ne volis forlasi, ŝi ne volis esti vortrompa, ŝi ne volis rekompenci ricevitajn bonfarajojn per maldanko, kaj tamen ŝia koro sin sentis forte allogata de ŝia Ove. El la kontraŭeco de siaj sentoj ŝi ne sciis elturniĝon, eble la estonteco ĝin prezentos.

Dum tuta semajno ŝi restis en sia dometo, diligente laborante, kvazaŭ ŝi volus sufoki unu el tiuj du sentoj. Sed venis tago, en kiu la pli forta sento venkis.

Iun vesperon, post labororiĉa tago, ŝi ne plu povis elteni la malvastecon de l'ĉambro; ŝi prenis la kaptukon kaj foriris — al la marbordo.

La kviete ondiĝanta maro, kantante sian eternan lulkanton, bone endormigas niajn animajn dolorojn, kaj ankaŭ Stine esperis resaniĝon al sia animo.

Subite, kiam ŝi paŝis en profundaj pensoj sur la sablo, ŝi aŭdis post si rapidan paŝon, kaj kiam ŝi turniĝis, antaŭ ŝi staris Ove.

Pro ĝoja surprizo ruĝiĝis ŝiaj vangoj, ĝis la gorĝo ŝi sentis siajn korbatojn, kaj honteme ŝi mallevis la okulojn.

Ove ekkaptis ŝiajn manojn, tiris Stine apud sin en la sablon, kaj iliaj lipoj sin trovis en longa, ardanta kiso — kiso, kiu esprimis koran, eternan amon. Kaj kvazaŭ ili volus beni la jus okazintan dumvivan interligon de du junaj homkoroj, vivo-kaj esperoplenaj, de sur la turo de la vilaĝa preĝejeto eksonis la vesperaj sonoriloj.

El la maro leviĝis la ruĝa luno kaj afable rigardis al la juna homparo, kvazaŭ li ĝojus pri tiu kuniĝo.

Larmoj ekbrilis en la okuloj de la ĉarma knabino, larmoj de feliĉo, de ĝojo.

Longtempe ili kune sidis silentaj, sed iliaj okuloj, la reciproka premo de iliaj manoj parolis des pli elokventan lingvon. Iliaj animoj, iliaj koroj, iliaj individuecoj reciproke sin estis trovintaj. —

Semajnoj post semajnoj pasis, kaj ĉiuvespere kunvenis la loĝantaro sur la marponto, atendante la barkon de Klaas.

Iun vesperon, kiam jam krepusko malleviĝis sur la maron, kiam sur la marpontego de Zoppot

ekbrilis lanternoj kaj en la tuta Danzig'a golfo eklumis mil kaj mil brilantaj lumokuloj sur la malproksima horizonto, aperis ŝipeto. Sur la orienta ĉielo amasiĝis densaj, nigraj nuboj, el kiuj kelkaj havis la karakterizajn flavajn randojn, kiuj ofte anoncas fulmotondron.

„Se nur la barko ĝustatempe povas alveni, hodiaŭ ni ankoraŭ travivos fortan fulmotondron" — diris iu el la ŝipistoj. — „Jes!" rediris alia, „la varmego estis sufoka, sed mi kredas, ke la barko ĝustatempe venos en la havenon!" „Dio helpu!" intermiksis sin maljuna fiŝisto en la interparoladon, „sed ofte tiuj fulmotondroj rapidege alvenas — kaj poste la albordiĝo estas danĝera."

„Niaj vivoj estas en la mano de Dio, al Li ni konfidu" aldonis la vilaĝa pastro, kiu jus alvenis nerimarkite. La ŝipistoj turniĝis kaj ĝentile deprenis ĉapojn kaj ĉapelojn, kaj la virinoj klinsalutis. —

En tiuj simplaj homoj, kiuj preskaŭ ĉiutage troviĝas en vivodanĝero, ankoraŭ regas vera pieco, ili ja ankaŭ estas ofte tiom proksime al sia Dio — tiom proksime. —

Forta vento ekblovas! De la norda marbordo eksonas akre la muĝado.

Grandaj mevoj kriegante traflugas la aeron, kaj tute malproksime tondras.

La virinoj kun siaj infanoj iras hejmen, nur la viroj restas sur la bordo.

Jen ekfalas la unuaj pluvogutoj, kaj nur malmultajn minutojn poste hela fulmo kaj forta tondro disŝiras la aeron.

Tio estas signalo de komenciĝanta veterbatalo. —

La viroj hejmenkuras por surmeti siajn oleovestajojn, sed kiam ili rekuras al la marbordo, forta pluvego surteriĝas.

Nun la elementoj estas malligitaj, fulmoj zigzagas, kaj terura tondrado pleniĝas la aeron. La malproksima ŝipeto en la mallumeco — en la grizeco — tute estas malaperinta.

Subite la martrumpo eksonas. Ŝipo en danĝero! La viroj kuregas al la plej alta duno kaj jen en la malproksimo ili vidas lumeton, dancantan sur la maro.

Se tio estus la barko de Klaas! La lumeto aperas kaj malaperas, kaj grava zorgo pri la vivo de ilia saminsulano ekkaptas la ŝipistojn.

Al la savoboatejo ili kuras, por pretigi la boaton, kaj post malmultaj minutoj dudek fortaj manoj ĝin eltrenas el la boatejo. Grincante ĝi traglitas la sablon, alvenanta ondo ĝin levas, dek fortaj, kuraĝaj viroj saltas en la boaton, ekkaptas la remilojn kaj per fortaj batoj ĝin puŝas en la ondoresalton.

Ĉe la direktilo staras Ove Andersen.

Dek fortaj viroj oferas sian vivon kaj ĉiuj scias, ke fatalo povas senpatrigi iliajn familiojn, sed al Dio ili konfidas — Li helpos!

Per fortaj remilobatoj ili subiĝas la ondoresalton kaj jam alproksimiĝas al la dancanta lumeto sur la ondoj.

Jen fulmo heliĝas la tutan ĉirkaŭajon kaj en la subita heleco ili ekkonas la barkon 69, la barkon de Klaas Olsen.

Terura tondrado preskaŭ surdiĝas la virojn, sed en la tondron, en la teruran muĝadon de l'ventego miksiĝas krakado de dispeciĝanta ligno. La masto de l'barko kliniĝas kaj malaperas kun velo kaj ruĝa flagrubando en la maro.

Ho! nun la ŝipeto estas ludilo de la ondoj. Sed la savoboato alproksimiĝas, preskaŭ la viroj povas ĝin ekkapti — jen nova krakado, kaj meze disrompita la ŝipeto malaperas en la ondegoj; sur ili viro batalas kontraŭ la morto de l'dronado.

Tuj Ove sin jetas en la ondojn, tranaĝante ilin per fortaj brakoj.

La dronanton li ekkaptas — sed jen denove fulmas — kaj en la momenta lumo Klaas ekkonas sian malamikon.

„Vi, vi" — li kriegas — „ne per vi — ne per vi mi volas esti savata!" kaj kun giganta forto li ĉirkaŭprenas la brakojn de sia savonto.

En la furiozega elemento ili batalas unu kontraŭ la alia. La ŝipistoj en la boato tion vidas, sed pro ondegobruo, en la ondegoŝaŭmo ili ne scias, kio okazas.

Fine la pli maljuna Klaas malaperas en la nigra, terura profundaĵo.

Ove sin naĝsavas al la boato, en kiun fortaj manoj duonsvenan lin tiras.

Al la marbordo oni direktas la boaton.

„Kie estas Klaas", ekkrias la homamaso, „vi lin kaptis kaj ne savis lin, Ove?! — For, mizera timemulo!

Pugnoj leviĝas, batoj falas sur la kapon de Ove.

„Mortigu la mortiginton!"

Per ŝtonoj oni prijetas lin. Granda ŝtono trafas la bruston de Stine, kiu per sia korpo lin volis ŝirmi kontraŭ la furiozeco de l'popolo.

Tiam diabla furiozo ekkaptas ankaŭ la blondan giganton. Per unu mano li ĉirkaŭprenas sian amatan knabinon, per la alia li ekprenas remilon, kaj kun fortegaj batoj li faris al si vojon tra la homamaso.

Spiregante pro furiozo kaj ekscito li atingas sian kabanon, fermriglas la pordon kaj kuŝigas sur sian modestan liton sian amatan knabinon. —

La alian matenon, jam tute frue, kiam en oriento aperis la unuaj ruĝaj radioj, oni vidis sur la maro barkon, en kiu Ove Andersen kun sia Stine forvojaĝis al alia lando, al alia insulo, kie ili esperis trovi la feliĉon, la kontentecon aŭ — la morton.

Post malmultaj tagoj la ondoj aljetis al nia

marbordo la kadavron de Klaas Olsen, multajn fiŝkadavrojn kaj la tabulajojn de la barko 69.

Por serĉi la feliĉon Klaas forvojaĝis, li faris bonan kaptadon, tion pruvis la multaj fiŝkadavroj, kaj certe li estus enspezinta sufiĉe da mono, sed Dio alie disponis.

Unu favoron Dio al li rezervis: Li portis lin al la hejma marbordo — jen, sub tiu ĉi verda tombomonteto li kuŝas — jen li dormas la dormon de l'eterneco.

Vi ne konis lin — sed mi, kaj li estis mia plej bona amiko! — —

La grizbarbulo denove ekbrulis la estingiĝintan pipon, forte entiris la fumon kaj, elbuŝigante densajn fumnubojn, li leviĝis. Al la tombo li jetis lastan rigardon, kaj poste ni foriris — malparolemaj, silentaj. —

La silenton mi rompis per la demando: „Kaj kio fariĝis el la infanoj, el la Olsenidoj?"

„Ja! la infanoj! Mi adoptis kaj edukis ilin kun mia brava edzino. La knabino edziniĝis kun fiŝkaptisto en Oxhöft, la knaboj fariĝis maristoj, travojaĝintaj nun preskaŭ la tutan mondon. Pli feliĉaj ili estas, ol sia patro, kaj Dion konservu al ili tiun feliĉon". —

La unuaj ombroj de la krepusko malleviĝis sur nian golfon. Sur la Zoppot'a marpontego ekbrilis la unuaj lumetoj, kaj tute malproksime vidiĝis la ruĝa lumo de la lumturo de Westerplatte. Glatega estis la maro; bangastoj nin preterpaŝis kun mallonga saluto; fiŝistojn kaj vilaĝaninojn ni survoje renkontis, kiuj ĝentile deprenis la ĉapojn aŭ kapklinante nin salutis — kaj silente ni preteriris.

Ankoraŭ longtempe vibras tra mia animo la memoro pri tiu ĉi historieto, la memoro al Klaas Olsen, la kompatinda amiko de mia grizbarbulo, sed ankaŭ la memoro al la juna paro Stine kaj Ove Andersen.

---

## Telegrafe.

Amerika novelo de Marcelle Prevost.

Ĉiuj kolegoj de James Macdonald unuanime aprobis, ke li estas la reĝo de la telegrafistoj en New York. Kaj neniu kuraĝis eĉ pridubi tiun honoran titolon. Ĉar ĉu oni povis konkuri kun James? . . .

Kiu ne konis la plej malgrandajn detalojn pri lia akiro de ofico en la „Societo de Okcidenta Kablo"! Tiu miriga historio estis centfoje rakontata en New York. Iun belan tagon aperis James Macdonald ĉe la direktoro de la Societo.

— Kion vi deziras, sinjoro? — demandis tiu seke.

— Mi deziras trovi okupon kiel telegrafisto ĉe speciala kablo, mi preferus ĉe tiu, kiu transdonas depeŝojn gazetajn.

— Ĉe speciala kablo! — iom mirigite ripetis la direktoro — ĉu efektive? — Ni tre volonte akceptas unuarangajn laborantojn. Ĉu vi jam antaŭe laboris ĉe nia kompanio?

— Ne, sinjoro! koncerne salajron, mi postulas minimume ducent dolarojn monate.

La direktoro suprensaltis el la seĝo pro miro.

— Nu, mallonge kaj koncize, estimata sinjoro! — diris li ironie — ducent dolarojn kaj neniom malpli! Permesu tamen, ke mi rimarkigu, ke ĉe ni la maksimuma salajro atingas cent dudek dolarojn monate. Kaj kie vi ĝis nun laboris?

— Kiel telegrafisto? Nenie — respondis James serene ridetante.

La direktoro perdis dum kelkaj momentoj eĉ la parolpovon pro miro.

— Estimata sinjoro — li ekkriis kolere, reakirinte fine la parolpovon — ĉu vi freneziĝis! Mi havas tro malmulte da tempo, por ke mi ĝin perdu por tiaj ŝercoj.

— Mi eĉ ne pensas pri ŝercoj — respondis trankvile James. — Mia cerba aparato laboras kiel eble plej precize. Mi estas diletanto, amanto de la telegrafarto. Tiu ĉi okupo tre plaĉas al mi, kaj mi ellernis ĝin nur pro amuzo. Ĝis nun mi estis raportisto de *„Herald"*, sed interesa, kaj kvazaŭ ĉiam viva specialajo pli bone al mi plaĉas.

— Kaj ducent dolaroj monate certe ankaŭ? — ironie ekmurmuris la direktoro, sed jam scivoligita per la neforigebla trankvilo de l' kandidato. Poste li alproksimiĝis al la aparato de Morse, staranta sur skribotablo, kaj rapide ekfrapis demandon:

— Kion vi povas doni al ni por ducent dolaroj monate?

La direktoro, laboranta la tutan vivon en Okcidenta Kompanio, estis tre fiera pri sia posedo de telegrafarto, li ekfrapadis nome tridek vortojn dum unu minuto.

— Nu eble ion pli bonan ol tion — respondis James indiferente — ĉu vi ĉiam tiel malrapide laboras? — aldonis li ironie.

„La maljuna", tiel li estis nomata de la pli junaj telegrafistoj, ruĝiĝis pro kolero. Li suprenlevis la manikojn, deprenis la manumojn, kaj la klavo ekdancis.

— Estimata sinjoro — frapas la aparato — tro rapida laboro ne nur malhelpas la klarecon, sed dank' al la neeviteblaj eraroj, ĝi tute perdas sian valoron kaj ĉarmon.

— Ĉu jes? — rediris James kaj proksimiĝis al la aparato. La fingroj: meza, montra kaj granda de lia dekstra mano metiĝis sur la

aparaton. La mano nevideble ekflirtis kaj sonoj signifantaj literojn fluis de la aparto kun miriga klareco. Precize difinitaj sonoj kun apenaŭ rimarkeblaj interspacoj inter la apartaj vortoj. Tio estis malofta laboro. La direktoro, haltiginte la spiron, aŭskultis atente.

— Eksterordinare! — li ekmurmuris kvazaŭ por si, — unuan fojon mi vidas tian lertecon.

La direktoro ektuŝis la klavon.

— Vi estas akceptita — ekfrapis la aparato.

La respondo al tio estis jena signo de telegrafistoj — dufoje po du punktoj: tik-tak,tik-tak.

— Jes, jes, mi konsentas.

Kaj James Macdonald komencis labori ĉe la linio New York — Chicago, ĉe speciala kablo, servanta al la jurnalaro. Lian laboron akompanis ĝeneralaj laŭdoj, sed tio lin ne kontentigis. Revo de lia vivo estis, havi kunlaboranton indan je li mem, dum lia kunlaboranto en Chicago tute ne meritis la predikaton „tip-top". Li laboris tro malrapide, kaj tio kolerigadis de tempo al tempo James'on.

Iun belan matenon James, laŭ kutimo, elfrapis al sia kolego saluton:

— Bonan tagon, n-ro 97. Kia la farto?

Mallongaj kaj klaraj sonoj, memorigantaj ŝutiĝantajn perlojn, anoncis la respondon:

— Bonan tagon, amikan saluton. Oni multe al mi parolis pri vi. Mi ĝojas, ke mi povas kun vi kolege interrilati.

Jam ĉe la unua ekfrapo, la delikata aŭdosento de James rimarkis diferencon. Tio estis nova telegrafisto. Kaj same lerta, kiel li mem. Ne multe mankis, kaj James estus plorinta pro kortuŝo kaj ravo.

Sed James ne povis sin doni al revoj; la aparato denove eksonis, transsendante urĝan depeŝon. Kia belega laboro!

Je la dekdua horo James kun triumfanta mieno montris sian kontrolan libreton kun la nombro da vortoj, akceptitaj de lia aparato, kaj li vekis ĝeneralan admiron. La liniestro kaj eĉ la ĉefa direktoro — vizitis lin. Ili miris, raviĝadis, laŭdis kaj eldiris sub lia adreso tiom da bonajoj kaj honorajoj, ke tio povus plenigi je ĝojo la koron de senescepte ĉiu telegrafisto.

Ne pli frue ol vespere sekvis interrompo, kiun James elprofitis, por iom ekbabili kun la nova kunlaboranto. Li malpacience deziris ekscii, kion ajn pri la tiel longe atendita kolego en Chicago.

— Vivu la perfekteco! — elfrapis lia aparato — akceptu, kolego, de mi tutkorajn salutojn.

— Amen! — aŭdiĝis la respondo — mi jam du jarojn revas pri tia kunlaboranto.

— Mi ankaŭ — entuziasmigite elfrapadis James — mi ankaŭ. Nun, duope ni faros la faman linion New York — Chicago.

— Tik-tak, tik-tak — sonis la aparato.

— Ni tion faros!

— Mi estas la plej feliĉa homo en la Unuiĝitaj Ŝtatoj — ĝojis telegrafe James.

— Mi ankaŭ, mi ankaŭ — frapis Chicago — mi estas la plej feliĉa knabino . . .

James eksaltis, kvazaŭ tuŝita per elektra fluo.

— Dio, knabino! Tio estas ja preskaŭ malverŝajna.

— Ĉu mi povas demandi vian nomon? — demandis la aparato de James.

— Volonte. Nelly Donoron.

— Ĉu oni povas simple diri Nelly?

— Jes, James, ni ja estas kolegoj. Bonan nokton!

— Bonan nokton, bonan nokton! — nervece elfrapis James, kun rapideco de eble cent vortoj dum minuto.

Pensoplena li revenis hejmen. Teruran nokton li havis. Matene li mem miris, kiam li rememoris ĉiujn malsaĝajojn, pri kiuj li sonĝis. Meze inter multnombraj telegrafaparatoj, ĉe gajaj sonoj de iliaj ekfrapoj, li dancis la tutan nokton kun Nelly, kaj adiaŭante li eĉ kisis ŝin.

— Vere, tio estis agrabla — li pensis ridetante, sed baldaŭ li iĝis serioza. — Kiaj malsaĝajoj! Li ja eĉ ne sciis, kiel ŝi aspektas.

La linio New York — Chicago fariĝis baldaŭ la „plej varmega" en la Unuigitaj Ŝtatoj, kiel ridante diris la amikoj. Plej feliĉaj por James estis tamen tiuj mallongaj vesperaj kvaronhoroj, kiam la senfina vico da depeŝoj fine elĉerpiĝis, kaj kiam li povis iom babili kun Nelly.

— Kia domaĝo, ke Chicago estas tiel malproksime, — malĝoje elfrapis la aparato.

— Tik-tak, tik-tak — sincere respondis Chicago.

Fine alvenis feliĉa tago.

— Mi havas forpermeson kaj veturos New York'on — telegrafis Nelly — mi volas vin vidi. Mi estos tie dimanĉe.

La klavo ekdancis pro kortuŝo sub la fingroj de James. Li decidis renkonti ŝin en „Delmonico", la plej konata New York'a restoracio.

Fine alvenis la atendita vespero dimanĉa! Pala, tremante kiel en febro, iris James tra la rondŝtuparo en malgrandan salonon de la restoracio Delmonico, en kiu renkontiĝas la tuta eleganta New York. Mirigite li sidiĝis ĉe tablo kaj rigardadis ĉirkaŭen. Kie do estas — Nelly? . . . En la salono estis multegaj virinoj.

Subite li ekaŭdis konatajn, mallaŭtajn sonojn: James.

— Ho, kiel saĝe, kiel prudente! Ŝi ankaŭ kunprenis malgrandan poŝaparaton; James rapide metis la manon en la poŝon:

— N-e-l-l-y, N-e-l-l-y, — eksonis de tie.

Tiam de najbara tableto leviĝis sinjorino kaj direktis al li siajn paŝojn.

— Nelly! — ektriumfis James!

Kaj ŝi, ridante etendis al li la manon.

— Bonan vesperon, James!

Dio, kiel belan, amindan vizaĝeton ŝi havas, kaj kiel mirindajn orkolorajn harojn! Kiel malnovaj konatuloj ili komencis vivoplenan interparolon, dume energie manĝante riĉan vespermanĝon. James ordonis alporti ĉampanon kaj ili intertuŝis la glasojn.

— Sed tio ne konvenas! — opiniis Nelly. — Tute male! — kategorie decidis James — ĉu tio ne estas klara kiel tago, ke New York kaj Chicago devas aparteni unu al la alia?

— Kaj, ne pripensante longe, li petis ŝin, ke ŝi fariĝu lia edzino.

Nelly ekrigardis lin . . . kaj ruze silentis. Ŝia eta mano nerimarkite enprofundiĝis en la ledan saketon, pendantan ĉe la zono.

— Tik-tak, tik-kak, — ekaŭdis James melodiajn sonojn.

Ili estis klaraj kaj kompreneblaj por ili ambaŭ. —

*Esperantigis Henryk Münch.*

## Ŝercangulo.

### Malkompreno.

Kamparano, kiu alvenis Munĥenon per plezurvagonaro, iras al tag-vendejo de biletoj de la operdomo kaj postulas bileton, dirante nenion pri la sidloko nek pri la prezentado.

— Ĉu vi deziras parket-seĝon? Oni demandas lin.

— Jes, parket-seĝon.

— Ĉu por Lohengrin?

Ne, por mi mem.

---

Sinjorino A. estas eksterordinare granda kaj grasa.

Hieraŭ ŝi diris: Mi nepre volas ekscii mian precizan pezon, kaj mi iras al aŭtomata pesilo.

— Sed tio ne utilos al vi; tiuj pesiloj ne pesas pli ol 125 kilogramojn!

S-ino A. (post pripenso): Nu, mi enmetos 20 centimojn anstataŭ dek.

---

### Konsilo de amiko.

— Diru al mi malkaŝe, Sinjoro: kion vi pensas pri la voĉo de mia filino?

— Estante vi, mi igus ŝin lerni la akvarelpentradon.

---

## Konkurso.

Amiko de nia gazeto disponigis al ni 10 Markojn kiel premion por la plej bona traduko de la ĉi-sube presita germana versajo de Eichendorff. Ni atentigas pri tio, ke unu traduko de la sama versajo jam estas publikigita en „Esperantista Kantaro" de L. E. Meier. Sed tiu ĉi traduko ne plaĉas al nia amiko, kaj li serĉas novan, por kiu la ĉefa kondiĉo estas, ke ĝi estu farita kiel eble plej laŭvorte kaj responde al la ritmo kaj rimfarado de la originalo.

Ni bone scias, ke tiu ĉi tasko ne estas facila, sed ni ne dubas pri tio, ke inter nia legantaro troviĝas lertaj verstradukantoj, kiuj kuraĝos solvi ĝin.

La premio estas destinita por la plej bona traduko. Se alvenos pli ol unu plej bona traduko, la loto decidos pri la premiota laboro. Se neniu kontentiga traduko alvenos, la donita sumo estos dispatrigata en 3 premiojn por la tri relative plej bonaj tradukoj.

Oni sendu la tradukojn ĝis la 1 a de Novembro nunjara al nia redaktoro, S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wißmannstr. 46. La manuskriptoj ne devas porti la nomon de la tradukinto, sed nur moton aŭ pseŭdonimon; la nomon oni almetu en aparta, fermita koverto, signita per la sama moto aŭ pseŭdonimo.

La premiitan plej bonan tradukon ni publikigos en la novembra numero de eldono B.

*Red. de G. E.*

Jen la tradukota teksto:

### Das zerbrochene Ringlein.

In einem kühlen Grunde
Da geht ein Mühlenrad
Mein' Liebste ist verschwunden
Die dort gewohnet hat —

Sie hat mir Treu' versprochen,
Gab mir ein'n Ring dabei,
Sie hat die Treu' gebrochen,
Mein Ringlein sprang entzwei.

Ich möcht' als Spielmann reisen
Weit in die Welt hinaus,
Und singen meine Weisen
Und gehn von Haus zu Haus.

Ich möcht' als Reiter fliegen
Wohl in die blut'ge Schlacht,
Um stille Feuer liegen
Im Feld bei dunkler Nacht.

Hör' ich das Mühlrad gehen:
Ich weiß nicht, was ich will —
Ich möcht' am liebsten sterben,
Da wär's auf einmal still.

# El la vivo kaj sciencoj.

**Ni petas niajn legantojn pri kunlaborado por tiu ĉi rubriko. Volonte ni akceptas komuninteresajn sciigojn kaj artikoletojn pri ĉiuspecaj aferoj el la praktika vivo kaj sciencoj.**

**Redakcio.**

## Bona konsilo.

### Skribu malĝentilan leteron kaj — forĵetu ĝin.

Kiu ne povas trankvile kaj objektive respondi efektivajn aŭ supozitajn ofendojn, tiu sidiĝu kaj skribu tre malĝentilan leteron, tralegu ĝin atentege kaj jetu ĝin poste en la fajron. Ĉi tiu rimedo estas multe pli efika por trankviligo de ekscititaj naturoj, ol la ofte rekomendita komputado de unu ĝis cent, ĉar ĉiu kolero efektive estas malŝarĝata per la skribado. Estas mirinde, kun kia trankvilo oni tiam povas rigardi kaj trakti la tutan aferon, ne kaŭzante gravan malutilon.

*Wilh. Rohm, desegnisto, Köln.*
*Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".*

## Priserpentaj rakontoj el Aŭstralio.

Ni loĝis en vilaĝo en Aŭstralio, en la „Bluaj Montoj". Mia patro estis kuracisto, kaj al ni apartenis unu el la plej „elegantaj" domoj de la vilaĝo, la tielnomita „kuracista domo". Ĝi havis kvar ĉambrojn, kaj tio estis tre multa. Ni ja loĝis sur la granda verando, kaj tie disvolviĝis la tuta vivo. La ĉambroj estis nur por dormado kaj por konservado de objektoj. Ni vivis tie tre trankvile kaj sen iu alterno en la ĉiutagaj okazintajoj. Sed foje tamen io okazis, kaj tio estis la sekvanta historio:

Iun vesperon mia patro sendis mian malgrandan kvarjaran fraton en la malluman ĉambron, por ion alporti al li. Sed la malgrandulo tuj revenis en plej granda ekscito: „Tie estas granda mordulo, patro, granda mordulo". Ni ne trovis iun postesignon de „mordulo", sed baldaŭ ni rimarkis iom pli. En la kuirejo troviĝis ŝrank-eto, fermita per ligna riglo, en kiu ni konservis gelaton kaj buteron. Iun matenon la gelata plado estis tute malplenlekita, kvazaŭ hundeto tion estus farinta, kaj ni ne trovis klarigon pri tio. En unu el la sekvantaj vesperoj ni estis subite vekataj el la dormo per io peza, kio falis de sur la plafono. Ni rapide eklumiĝis la ĉambron, sed nenio estis videbla. De tiam ĉiu el ni evitis iri sola en malluman ĉambron, kaj tremiĝe estis, se ni enlitiĝis. Malgranda lernejkunulino diris al mi: „Povas esti nenio alia: ĉe vi ĉirkaŭiras fantomoj. Ĉu vi scias, spiritoj aspektas tute maldikaj kaj longaj, ili estas tute blanke vestitaj, ili havas longajn ostajn manojn kaj flamantajn, profunde starantajn okulojn, kaj se ili vin ekkaptas, vi certe mortas." Tiu ĉi rakonto kompreneble ne estis konvena por trankviliĝi min, kaj la ekscito kreskis. Unu nokton mia patrino aŭdis ion klakantan en la kuirejo. Tuj ni ekserĉis, kaj — nenio estis videbla. Fine venis la klarigo. Iun tagon nia servistino estis irinta al la cisterno post la domo, por alporti akvon. Mia patro jus estis foriranta por viziti pacienton. Tiam la servistino alkuregis en la domon: „Apud la cisterno estas granda, nigra serpento, revoku tuj sinjoron doktoron!" Kiam mia patro revenis, la besto provis suprenrampi la muron de la domo, sed ĝi ne sukcesis kaj glitis teren, de tie fulmrapide serpentumante al nia verando, kie mi staris kun mia frato. Tie ĝi alsiblis nin. „Mordulo, mordulo", diris mia malgranda frato. Dank' al Dio mia patro ĝustatempe venis kaj mortigis la beston per feliĉa bato de sia kanbastono. La besto estis longa 8 futojn kaj tiel dika, ke du viraj manoj ne povis ĝin ĉirkaŭpreni; ĝi ja bone sin grasigis ĉe ni. —

Pli poste ni ankoraŭ ofte renkontis serpentojn. La „poŝta domo" estis same eleganta domo kiel la nia. Ja, en ĝi eĉ kuŝis tapiŝo sur la koridoro, kio estis por ni io tre interesa kaj tute nekonata. Tie, sur la sola tapiŝo en la tuta vilaĝo, kuŝis iun tagon beleta serpentido kaj dormis dolĉe. Tio okazis pli ofte. Oni serĉis la neston kaj trovis ĝin sub la cisterno. Ĉiuj malgrandaj serpentoj estis mortigataj, kion mi trovis terure kruela.

Unu vesperon mia patro revenis de vizito al paciento kaj devis rajdi dum la nokto tra arbaro. Subite lia ĉevalo faletis; li estis rajdinta en serpentan neston. Ankaŭ li estis mordata kaj nur povis sin savi per tio, ke li eltranĉis la morditan karnparton kaj elsuĉis la vundon per la buŝo.

Mi iufoje alkuregis al belega floro, kiam miaj kunulinoj ekkriis pro teruro. Ĉirkaŭ la trunketo estis volviĝinta serpento, kiu havis la saman koloron kiel la floro, tiel ke mi ne rimarkis ĝin. Feliĉe mi deŝiris la floron, ne estante mordata.

Ĉiuokaze oni povis supozi, ke precipe tie,

kie troviĝis kolororiĉaj floroj, fruktoj aŭ akvo, oni renkontis serpentojn. Feliĉe ili pleje estas tre homevitemaj kaj nedanĝeraj, se ili ne estas incitataj. *Laŭ „Kolonie und Heimat".*

---

## La memoro de la fiŝoj.

Ĝenerale oni opinias, ke la fiŝoj ne posedas memoron; ĉar la sama fiŝo ĉiam denove igas sin kapti per la fiŝhoko, se la hoko estas bone kaŝita. Aliajn rezultatojn ricevis, laŭ *„Naturwissenschaftliche Rundschau"*, M. Oxner, kiam li supre de la bone kaŝita fiŝhoko alligis pecon da ruĝa papero. Ankaŭ nun la fiŝo unue igis sin kapti dum kelkaj sinsekvaj tagoj. Tiam ĝi fariĝis pli singardema; ĝi almordis ja dum la dekunua tago ankoraŭ unufoje post iom longa ŝanceliĝo, sed la dek-duan tagon ĝi estis kaptata nur, kiam la papero estis forigita. En la tri sekvantaj tagoj la fiŝo denove alproksimiĝis al la logaĵo kun la alfiksita avertilo, ekzamenis ĝin kaj forrapidis. La dek-sesan kaj la ses sekvantajn tagojn ĝi unue alproksimiĝis al la avertilo kaj ree ekzamenis ĝin, leviĝante de la logaĵo ĝis la papereto; iufoje ĝi eĉ almordis ĝin kaj poste malleviĝis denove al la logaĵo. Fine ĝi forigis kun granda singardemo kaj sen ĉiu trorapideco, peceto post peceto, la tutan logaĵon, ne tuŝante la hokon. La eksperimento kun aliaj ekzempleroj donis la saman rezultaton.

---

## La fotografado de senfadenaj depeŝoj.

Post kelkjaraj provoj Marconi sukcesis fotografi senfadenajn depeŝojn. Tio okazas per helpo de tre forta lumfonto kaj la vibradoj de drato, kiu estas pli maldika ol homa haro. Per la sama vojo la depeŝoj estas transigeblaj sur filmon, kiu same kuras tra la maŝino kiel la mallarĝa paperstrio tra la ordinara telegrafa aparato. La novaĵo estas la unua rimedo por dokumente fiksi senfadenajn depeŝojn.

---

## Kelkaj sciindaĵoj.

Jam en la rangifera epoko la homo posedis muzikajn instrumentojn. Li faris el birdostoj fajfilojn kaj tielnomatajn „Pan"-flutojn. Unu el la lastaj oni trovis en la fama groto de Rochebertier.

*

En Novembro de 1861 la ŝipanaro de la franca vaporŝipo „Alekto" vidis inter Madeira kaj Teneriffa sepion, kies pezo estis taksata je 2000 kilogramoj. Ĉe la kaptado la besto disŝiriĝis supre de la vostnaĝilo, tiel ke nur tiu ĉi povis esti kaptata. Sepio de 13 metroj da longeco estas videbla en la naturscienca muzeo de New York.

# = Pedagogia fako =

## 9. Ĉu „— inte" aŭ „— inta" en frazoj sen substantivo aŭ ties anstataŭanto?

**Demando:** Kio estas ĝusta: „Se estus pluvint**e**" aŭ „Se estus pluvint**a**"? Ambaŭ esprimojn mi jam legis. Plue: „Estus estint**a** bele" aŭ „Estus estint**e** bele?" *A. T.*

**Respondo:** Se vi juĝos ĉion ĝusta, kion vi legas, tiam vi venos ofte en embarason. Estas malnova, sed ĉiam ankoraŭ prava diro, ke la presinko multon toleras. Sed por veni al via demando: oni devas diri: se estus pluvint**e**, kaj same en la plue citita frazo: estus estint**e** bele. — En nia lingvo la regulo estas simplega: oni metas la finaĵon **-a**, se **ĝia** radiko rilatas al substantivo aŭ ties anstataŭanto, kaj en la aliaj okazoj, do rilate al adjektivo, adverbo, verbo, frazo aŭ ĝia mallongigo, la infinitivo, oni metas **-e**. — Iom pli malfacila estas la demando, **se** tiu kvalito volas mem mallongigi komplementan frazon, do ekzemple en tia frazo: „Mi juĝas bon . . ., fari . . . ." Kiel estas sciate, oni uzas por tiaj okazoj anstataŭ atributa adjektivo predikatan, kaj sekve diras: „mi juĝas ĝin bon**a**"; jen tuj unu solvo: oni enmetas pronomon, al kiu poste rilatas adjektivo. La dua solvo estas, ke oni plenumas la regulon, dirante: „mi juĝas bone, fari . . . ."; tiu ĉi solvo estas gramatike neriproĉebla sed povas kaŭzi eraron ĉe la komprenanto, ekz: „li opiniis prave, ke lia patro forveturis". En tiaj okazoj oni kompreneble devas eviti tian uzon; aŭ oni enmetas, kiel supre, resuman pronomon, kaj diras: „li opiniis ĝin prava, ke . . .", aŭ oni simple rekonstruas la predikatan mallongigon je frazo komplementa kaj do diras: „li opiniis, ke estas prave, ke lia patro forveturis". Ofte oni povas ankaŭ mallongigi la duan „ke"-frazon per infinitivo, ekz.: „li kredis necese, ke li tuj foriru = li kredis, ke estas necese tuj foriri". Estas do videble, ke ankaŭ tiuj malfacilaĵoj estas venkeblaj.

Rigardante la supran demandon, mi ne povas min deteni de alia rimarko, nome pri la trouzo de la participaj konstruoj. La plej multaj forgesas, ke la kondiĉa formo **-us** estas ĝenerala, sentempa formo; tial ili preskaŭ ĉiam uzas la pezajn formojn „-us -inta" ktp., anstataŭ uzi la simplan -us. — „Se pluvus, mi ne estus elirinta" same esprimas la ideon, kiel „se estus pluvinte, mi ne estus elirinta". Estas ja vere, ke oni alimagas al -us ian nunecon, tamen tio estas nur erara kutimo, per nenio pravigita; -us ne estas pli nuntempa, ol alia vorto, substantivo aŭ adjektivo; dirante „homo", „bona", mi unue ekpensas pri nuna homo kaj nuna boneco, kvankam estas neniu kaŭzo por ne pensi pri homo mezepoka, aŭ boneco estinta. Tempan ideon enportas en la verbojn nur la signoj **a, i, o,** kaj ĉiu alia tempeco alimagata al -us, -u, -i estas nur erara kutimo.

Tute superflue estas do ankaŭ, en la dua frazo diri: „estus estinte bele", ĉar plene sufiĉas: „estus bele".

Kiom pli bela kaj flua fariĝas la stilo sen tiu amaso da „inta" — „onta" — „anta" - finajoj, pri tio mi ne bezonas insisti.

## 10. Pri verbigo de adjektivaj radikoj.

**Demando:** Ĉu oni povas diri: Li tre emas forvojaĝi? Li laboremas?

**Respondo:** Dio gardu min, ke mi volu enprofundiĝi tie ĉi en tiu demando; mi havas hodiaŭ ankoraŭ aliajn farotajojn. Mi do respondas nur laŭ mia sento, ne klopodante iri ĝis la fundo de tiu nefacila demando. — Mi do konsilas la jenon: Kiam vi volas esprimi per radiko nuran kvaliton, kiu ne entenas energion, uzu nepre nur adjektivon kun la kopulo „estas"; sed se vi sentas, ke tiu kvalito entenas ian energion, ke ĝi direktiĝas kontraŭ objekto, tiam vi povas verbigi la radikon. Ekzemple se vi havas radikon vid', bel', em', vi demandu: ĉu mi estas vida rilate al io, bela rilate al io, ema rilate al io? Kaj vi konstatos, ke vi vidas ion, emas ion, sed ne belas. Same vi ne estas laborema rilate al io, vi do ne povas laboremi; sed eble vi emas labori; se do -em' ne estus sufikso, sed simpla radiko, oni povus eble kunmeti „emas labori" je „laboremas"; sed kiel sufikso -em' ligiĝas senpere kun labor' kaj formas novan vortradikon „laborem'", kaj tiu laborem' estas tute samkvalita kiel bel', nome la enhavo de la ideo ne direktiĝas kiel energio eksteren, sed restas en la subjekto. Laŭ la diferencigo de Ĉefeĉ ĝi estas konkreta, dum la aliaj estas abstraktaj.

Se vi bone sentis tion, vi ankaŭ vidos, kial „pravi", „kapabli", „indi" ne kontraŭbatalas nian Esperantan lingvosenton, kaj kontraŭe „beli", „grandi", „stati" ĝin ribeligas.

## Mallongaj respondoj.

**Al E. M., Oberdollendorf.** Dankon pro via atentigo. Vi estas prava, ke „anama" kaj „anamana", malgraŭ la malbelsoneco de la lasta, ŝajnas preferindaj; sed estus ankaŭ eble, nomi la homojn tieajn „anamitoj", kaj tiam la lando devus esti „Anamitujo". Tiajn demandojn oni tamen ne povas tute decidi „kabinete", kaj devas atendi, ĝis kiam la uzado preferigas unu aŭ la alian. Teorie ŝajnas plej ĝuste, uzi radikvorton por landanoj, se tiuj formas veran nacion, kaj nomi ilin laŭ la radikvorta lando, se ili estas nur kunloĝantoj, sed ne vera nacio, kiel ekz. la amerikanoj. Pro la esenco de l'afero la lasta okazas plej ofte ĉe la landoj de la nova mondo, la antaŭa ĉe tiuj de l' malnova.

**Al M. L., Dresden.** Pri la eraro aljuĝita al G. E. estas vi mem, kiu eraras. Certe, la uzado iomete forŝovis la sencon de „igi fari", tamen, se vi bone pripensas, vi konstatos, ke „pajloŝtopigi" estas tute la sama kiel „igi pajloŝtopi"; „ni ankaŭ vin igos pajloŝtopi" povas esti tradukata germanen same „wir werden veranlassen, dich auszustopfen", kiel ankaŭ „ . . . dich veranlassen auszustopfen". Dirante „pajloŝtopigi", oni tute same allasas la dubon, kaj se ekzistas prudentulo, kiu falskomprenas tiun frazon, tiu same rajtas dubi pri la frazo kun „pajloŝtopigi"; vi eble jam aŭdis iam pri la „milito ĉirkaŭ la vorto „manĝigi"; pri do la sama afero. Se vi volas, ke ankaŭ tiuj devu ĝuste kompreni vin, kiuj nepre volas falskompreni ĉion, tiam estas ja permesate al vi „ke vi diru" (ne „diru", ĉar tiam oni eble pensus, ke iu alia diras „al vi"), „ni ankaŭ vin igos esti pajloŝtopata" aŭ „pajloŝtopatestis". Ni preferas la simplan formon, sed ni konsentas kun vi, ke ankaŭ la kuntirita formo, sed kompreneble en ĝusta vortordo: „ni pajloŝtopigos ankaŭ vin", estas same bona, kiel la formo presita en G. E.

## = Por kolektantoj =

Inter nia legantaro certe estas multaj kolektantoj de diversspecaj Esperantaj objektoj, speciale de sigelmarkoj kaj ilustritaj poŝtkartoj. Al ili ni dediĉas ĉi tiun rubrikon, kiu de nun konstante aperos en nia jurnalo. Ni intencas per tio organizi la kolektadon de esperantajoj kaj helpi ilian interŝanĝon. Kiu serĉas iun objekton, kiu volas informiĝi pri kiu ajn afero, koncernanta la kolektadon, turnu sin al ni; en „leterkesto" ni publikigos tiurilatajn demandojn kaj respondojn. La redaktadon de tiu ĉi rubriko afable prenis sur sin S-roj **D-ro A. Möbusz, Lübeck** kaj **Paul Tarnow, Charlottenburg**. Ĉiujn sendaĵojn, koncernantajn la kolektan fakon, oni bonvolu direkti al nia eldonejo.

*Redakcio de G. E.*

## Kolektado de Esperantaj sigelmarkoj.

Kio ajn en la mondo ne estas kolektata? De herboj, insektoj, mineraloj ĝis bastonoj, bildoj kaj moneroj: ĉio; sed plejmulte poŝtmarkoj kaj ilustritaj poŝtkartoj. Sed multaj komencas, kaj baldaŭ ili ĉesas, malesperante, kompletigi eĉ iomete la kolekton sen eksterordinaraj monrimedoj.

Pro tio mi deziras direkti la atenton de la kolektantaj esperantistoj al kampo, sur kiu ankoraŭ multaj povas labori: la Esperantaj sigelmarkoj. Ekzistas jam ĉirkaŭ 500 diversaj de tiuj etiketoj, reprezentantaj dokumentojn historiajn pri la Esperanto-movado, ĉiujare 10-20 novaj estas eldonataj. Ĉiu kolektanto do trovas la eblecon, aranĝi kaj konservi kompletan kolekton, elspezante nur malmulte da mono — ankoraŭ; ĉar povas esti, ke post kelkaj jaroj tio ne plu ebliĝas. Oni memoru unuajn poŝtmarkojn! Dum nia juneco ni povis aĉeti ilin por kelkaj spesdekoj, kaj nun ili kostas centojn da spesmiloj. — Pri la valoro kaj la signifo de la interesa kolektado, kiun mi rekomendas, mi parolos alian fojon.

La du ĉefaj rimedoj, akiri Esperantajn sigelmarkojn, estas aĉeto kaj interŝanĝo. Ambaŭ renkontas malfacilaĵojn. Kiu intencas aĉeti markojn, tre ofte ne scias, kiam novaj aperas kaj kie ili estas aĉeteblaj. Tial mi raportos de nun regule kaj detale en *„Germana Esperantisto"* — aliaj gazetoj eble tion represos — pri ĉiuj noveldonitaj markoj.

Por la interŝanĝado mankas ĝis nun la ĉefajo: mezurilo de valoro, kian la filatelistoj posedas en la grandaj katalogoj de Senf k. a. Por krei tiun, mi jam de longe klopodas, havigi al mi la materialon, por verki katalogon de Esperantaj sigelmarkoj. Ĉar tiu katalogo devas havi sciencan kaj praktikan valoron, estas necese, ke ĝi enhavu precizajn bibliografiajn kaj statistikajn datojn. Ilin ricevi estas tre malfacile, tial mi apelacias al ĉiuj esperantistaj kolektantoj pri kunhelpo. Mi petas vin, sendu al mi de ĉiu novajo se eble tutan folion da markoj (kompreneble kontraŭ repago de la elspezoj). Samtempe respondu la jenajn demandojn: Kiu estas la eldonisto, desegnisto, presisto de la markoj? Kiom da pecoj estas presitaj? Kie ili estas aĉeteblaj, kaj kiom ili kostas? Se vi mem ne scias ĉiujn detalojn, vi eble rekomendas al mi personon, kiun mi povas demandi.

Sur tiu bazo mi havos la eblecon, krei plenan katalogon kun fidindaj notoj pri la valoro de ĉiu marko. La katalogo treege simpligos la interŝanĝadon de markoj. Oni ne plu bezonos forsendi sian tutan kolekton per poŝto, timante, ke oni ĝin revidu aŭ difektita aŭ tute ne. Oni nur bezonos skribi al sia partoprenanto la numerojn laŭ la katalogo, kiujn oni povas fordoni aŭ deziras ricevi.

La katalogo enhavos jenajn rubrikojn: A) Kongresaj markoj de 1] internaciaj, 2] naciaj, 3] fakaj kongresoj. B) Societaj kaj privataj markoj de 1] Esperantaj, 2] neesperantaj societoj, 3] firmoj kaj privatuloj. C) Propagandaj markoj. D) Diversaj. Ĉiu rubriko estas envicigata laŭ landoj kaj jaroj, ĉiu marko ricevas numeron.

Ĉiujn sciigojn kaj sendajojn, taŭgajn por la efektivigo de la supre montrita plano, oni bonvolu adresi al **D-ro A. Möbusz, Lübeck,** Falkenstraße 12.

# Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Tie ĉi ni recenzas nur verkojn, duoble ricevitajn.**

***Hispanaj Dramoj** de Jacinto Benavente. Tradukis Vicente Inglada. (Esperanta Biblioteko Internacia No. 23). — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 0.100 Sm.

Dank' al la „Esperanta Biblioteko Internacia" ni iom post iom konatiĝas kun la literaturo de ĉiu lando. La lastan kajeron verkis S-ro Vicente Inglada, kies granda kompetenteco pri hispana literaturo kaj Esperanta tradukado estas bone konata. Li jam esperantiĝis kelkajn verkojn de J. Benavente, unu el la aŭtoroj plej ŝatataj en Hispanujo, kaj estis la ĝusta homo, por prezenti lin en E. B. I.

El lia riĉa verkaro, li devige, pro manko de loko, preterlasis la plej interesajn, sed tro longajn pecojn, kaj elektis tri unuaktajn teatrajetojn, taŭgajn por servi kiel specimeno de la moderna hispana dramaro.

„La Domo de Feliĉo", kie vivas feliĉa kaj ŝajne tre laŭdinda familio, subite montriĝas kiel hejmo de falsisto, kiu tro lerte desegnis bankbiletojn. La policanoj venas por aresti la bonan edzon kaj lian fidelan kunulinon, malgraŭ la ploroj de la dorlotita filino.

„La Servanto de Don Juan", anstataŭinte sian mastron laŭ lia propra ordono, hazarde akiras la amon de dukino, duelas pro tio kun la mastro, estas mortigata kaj lasas la lokon libera por la laŭtradicie ĉiam venkanta Don Juan.

„La paperujo" de edzo enhavas sekretojn, kiujn la edzino ne devas traesplori; ĉar se ne en paperujo, almenaŭ en la koro ŝi ankaŭ havas sekretetojn. Tiun afablan konsilon Henrikino donas al sia kara amikino Klara, eble iom malfrue, ĉar ŝi mem antaŭe instigis ŝin al tiu danĝera traesploro. Ho la virinoj!

La Esperanta stilo de tiu libro estas bonega. El proksimume 5000 vortoj mi malaprobas nur unu: malapud; la aliaj 4999 estas neriproĉeblaj. Plie, oni ne trovas eĉ unu preseraron. Sinceran gratulon al la aŭtoro kaj al la eldonistoj! *S. M. (E. L. A.)*

*

***Das Esperanto ein Kulturfaktor** (Volumo II, 1912). Festschrift anläßlich des 7. deutschen Esperanto-Kongresses, Danzig-Zoppot, vom 27. Juli bis 1. August 1912. Herausgegeben im Auftrage des Deutschen Esperanto-Bundes von Dr. R. Ledermann, Augsburg. — Sola komisia vendado ĉe Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1 Sm.

Sub la sama titolo, kiel en la pasinta jaro okaze de la 6a germana kongreso en Lübeck, aperis ĉi tiu libro kiel batalilo en la batalo de la esperantistoj kontraŭ „alikredantoj" kaj „nekredantoj", kaj ĝi estas tre valora kompletigo al la unua volumo. En la unua volumo ni precipe trovas ampleksan statistikon pri ĉio, kio koncernas Esperanton, dum la dua volumo antaŭ ĉio enhavas praktikajn proponojn por efika propagando por la disvastigo de Esperanto. Plue ĝi enhavas bonegan materialon por la refutado de neĝustaj sciigoj, kiujn oni de certa flanko disvastigas pri nia lingvo. En 30 artikoloj, parte germanaj, parte Esperantaj, de eminentaj germanaj esperantistoj, la redaktoro de la libro kolektis materialon, kiu por ĉiu propagandisto estas nepre necesa. Ankaŭ la jam sperta propagandisto trovas en la libro novajn ideojn kaj instigojn, kiujn li utile povas uzi por sia pionira laboro. Precipe grava estas la sepĉapitra artikolo de profesoro Christaller, titolita „Waffen für Esperanto" (bataliloj por Esperanto), en kiu la verkinto en sia konata, brila maniero refutas preskaŭ ĉiujn kontraŭdirojn kaj erarigajn asertojn, pri Esperanto faratajn de la idistoj. Do, kiu serĉas materialon por propagandaj paroladoj kaj polemikoj, kiu deziras instrukciojn por la ĝenerala propagando, por la gvidado de kursoj kaj fondado de novaj grupoj, tiu havigu al si tiun ĉi libron. Sed ankaŭ por ĉiu alia esperantisto, kiu nur nepublike volas servi al nia afero, ĝi estas bonvenanta informilo de daŭra valoro. Belan impreson faras la bildo de la laborejo de nia Majstro, kiu kiel ornamo estas enmetita en la libro.

Ĉe tiu ĉi okazo estu atentigate pri tio, ke la supre citita antaŭjara libro (Volumo I, 1911) ankoraŭ estas havebla ĉe la sama eldonejo. (Prezo ankaŭ 1 Sm.) *F. W. (E. L. A.)*

*

* **La artefarita „Altmontarsun"-bano,** nova kuracmetodo. De D-ro med. Breiger, Berlin, fakkuracisto por fizikaj kuracmetodoj kaj lumterapio. — En komisio ĉe Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 0.200 Sm.

En G. E. 3 B, p. 43, troviĝis artikoleto, en kiu estas montrite, ke la suno estas la ĉefa kondiĉo por la ekzistado de homoj, bestoj kaj kreskaĵoj. Kien ne brilas la sunaj radioj, tie ne estas vivo, kaj tie la morto havas facilan laboron. Tion jam ekkonis niaj prauloj, kaj precipe la malnovaj Grekoj kaj Romanoj uzis naturajn sunbanojn por kuraci ĉiuspecajn malsanojn. Sed nur en la plej nova tempo la medicina scienco okupiĝis iom pli profunde pri la esenco de la suna kuracado, kaj iom post iom oni trovis la kaŭzon de la saniga efiko de la suna priradiado. Multe helpis en tio la progreso de la elektra lumo, per kiu nun estas eble, produkti sunsimilan lumon sendepende de la ĉiela suno.

La verkinto de la supre citita broŝuro esploras de kelkaj jaroj la sanigan efikon de la sunradioj, kaj per interesaj eksperimentoj kaj sukcesaj kuracoj li fine venis al la konstruado de speciala elektra lumilo, kies radioj havas la saman efikon je la homa korpo kiel la radioj de la natura suno. La spertojn, kiujn D-ro Breiger faris dum sia esplorado, siajn ideojn pri la kuracado per sunlumo kaj siajn sukcesojn en la kuracado per artefarita sunlumo, li priskribas en tiu ĉi broŝuro. Sed ĝi ne estas disertacio, sed populara, facilkomprenebla traktato, destinita por la diskonigo de la lumkuracado kaj ties bonaj efikoj ĉe multaj malsanoj. La nova artefarita altmontarsunbano de D-ro Breiger meritas la atenton de ĉiu progresema homo; ĝi verŝajne iam ludos gravan rolon en la medicino, tion jam nun ekkonigas ĝiaj ĝisnunaj sukcesoj. Estas dankinda faro, ke D-ro Breiger eldonis Esperantan broŝuron pri la nova kuracmetodo. Per tio ĝi baldaŭ povos esti konata en la tuta mondo, se la esperantistoj helpas disvastiĝi la broŝuron en siaj rondoj. Ankoraŭ alia atentinda fakto: jen popularscienca verketo en nia lingvo, kiu per tio denove pruvis sian praktikan taŭgecon por sciencaj aferoj. *F. W. (E. L. A.)*

*

* **Rikke-Tikke-Tak.** De Hendrik Conscience. El flandra lingvo esperantigis Maria Posenaer (E. L. A.). — Propra eldono de la tradukintino. Antwerpen. 0.900 Sm.

Kun timeta sento mi alproksimiĝis al la tralego de tiu libro, la unua, rekomendita de I. U. E. V.*); ĉu ĝi respondos la esperojn, ligitajn al tiaj libroj, aŭ ĉu ĝi ne estos pli bona ol la aliaj? Ŝanceliĝe mi tralegis la unuajn paĝojn, kun dubo mi daŭrigis, kaj kiam mi estis fininta, — mi sentis entuziasman ĝojon, trankviligan kontentecon, kaj admiron al la aŭtoro kaj tradukinto. — Jes, kiu tralegis multajn librojn recenzotajn, kaj nun legas tiun ĉi, ne plu povas dubi pri la valoro de tia reciproka korektado, kian haviĝas al la verkantoj I. U. E. V.

Rikke-Tikke-Tak estas unu el la plej brilaj perloj de nia traduka literaturo. Simplaj vortoj pri kamparo kaj kamparanoj, poeziaj priskriboj de la vasta erikejo, jen la eksteraĵo; sed sub ĝi disvolviĝas mirindaj scenoj de la homa animo, montritaj per tiom da kortuŝa sincereco, tiom da emocianta vero, ke nia ĝuo dumlegada eĉ por momento ne ĉesas.

Kun tiu enhavo bele harmonias la simpla, klara, senartifika stilo, kiun ankaŭ la traduko ĉie travidiĝas.

Efektivajn erarojn la traduko tute ne enhavas; por tamen ne ŝajni maljuste laŭdanta, mi malkaŝos la kelkajn makuletojn, kiujn zorga serĉado montris al mi. Jen ili estas: ŝanceliĝa uzado de indikativo kaj konjunktivo (ekz. post „kvazaŭ" ind., sed konj. en tia frazo: Ve! ĉu mi do devus forlasi mian tutan esperon?); ne tute ĝusta uzo de ia kaj iu; troŝato de la formoj „ne jam" kaj „jam ne", kvankam „ne ankoraŭ" kaj „ne plu" estas multe pli klaraj; ŝanceliĝa kaj ne tute logika komometado. — Pri vortoj uzataj mi havas jenajn rimarkojn: *funkcio* anst. posteno aŭ ofico (ekz. li okupadis tiun funkcion); *cedi al* anst. lasi al la zorgoj de; *florkrono* anst. florkaliko, korolo; *tifuso* anst. tifo; *impresiga* anst. impres(ant)a; *ekscitigaj* anst. ekscit(ant)aj. Fine mi ne aprobas tiujn ĉi uzojn: *spite* kun nominativo; *ĉia ajn* kaj *iu ajn*; *neeble* anst. ne eble; nealmeto de akuzativa signo al propraj nomoj, kiel Monica, Lena, eĉ kiam ili staras sen adjektivo (anst. Monica'n, Lena'n). Plej laste mi citas ankoraŭ la preserarojn, ne cititajn sur la lasta paĝo, kaj ĝenantajn la komprenon: p. 15: **lian** (sian) ĉefverkon (aŭ: lia ĉefverko); p. 23: ĝis sia (ŝia) vizaĝo; p. 82, l. 8: **vi** (mi). — Kiam en libro de pli ol cent paĝoj mi ne trovas pli da kritikeblaĵoj, la legontoj povas juĝi, kiel bona la libro estas. Mi do plej sincere rekomendas tiun klasikan verkon, kiu kaŭzos al ĉiu grandan ĝuon kaj ĝojon, kaj kiu certe ankaŭ kunhelpos, glori kaj ankoraŭ pli famigi la nomon de la granda verkisto de Flandrujo. *Lr. (E. L. A.)*

*) La Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj ricevis en Kraków novan nomon; ĝi nun nomiĝas Esperantista Literatura Asocio. *Red.*

*

* **Esperanta Biblioteko „Danubo".** Eldonata de Editura „Esperanto", Bucureŝti. Prezo po kajero 0,125 Sm. — **No. 1: Fantomoj** (Fantaziaĵoj). De Ivan Turgenev. El la rusa lingvo tradukis Dro Andreo Fiŝer. — **No. 2: Versaĵoj** de Georgo Deŝkin; libro unua, kun portreto de la aŭtoro.

Jen la du unuaj kajeroj de nova kolekto de malmultekosta biblioteko Esperanta. Tre salutindaj estas tiaj kolektoj pro ilia taŭgeco por kursoj de progresintoj, kondiĉe ke ili estas zorge kunmetitaj kaj enhavas bonstilan Esperanton. Tiuj ĉi du kajeroj bone komencas la novan entreprenon; ili havas bonan aspekton kaj estas bone presitaj. Sed ili postulas jam sufiĉe grandan scipovon de Esperanto. Tre interesa kajereto estas No. 1. Ĝi enhavas fantaziriĉan rakonton pri fantomo. La traduko estas tre bona, kvankam kelkfoje ne tre facile komprenebla pro amasigo de afiksoj (alkroĉiĝetadis). Du strangaĵojn mi notas: la oftan uzon de „tuta": „mi tuta ektremis, ŝi tuta alpremiĝis al mi" k. s. (ne konante la originalan tekston, mi ne povas juĝi, ĉu estas subtilaĵo) kaj la uzon de „aparta" en la bedaŭrinde jam kutima, sed tamen neĝusta senco: „ŝi diris aparte klare". Tre interese estas por ni germanoj, trovi

en la traduko kelkajn esprimojn, vortformojn kaj frazojn, kiujn ni ne riskus uzi pro timo, ke ili estos konsiderataj kiel „germanismoj" ekz: al mi fariĝis timetiĝe, al mi estas malbone, unutonaj kampoj ktp. Entute la libreto estas leginda kaj tre instrua por atenta leganto.

En kajero 2 Georgo Deŝkin donas al ni specimenojn de siaj poeziajoj. Ili grandparte estas belaj kun forta sento por ritmo kaj fluo. Speciale citindaj estas: *Al Virino, El A. A. Fet, Maraj skizoj, Reveno de Printempo.* La beleco de kelkaj versajoj bedaŭrinde estas limigita per tro multaj apostrofoj. Tiuj ĉi unuaj provoj promesas ankoraŭ belajn donacojn de l'aŭtoro, kondiĉe ke li sufiĉe severe kritikos mem siajn verkojn. Tiam la bonega impreso de l' tuto ne estos iom neniigita per malmultaj nebonaj versajoj, kiuj malhelpas plenan ĝuon. Mi ne povas preterlasi, doni ĉi tie kiel provon por la belsoneco kaj ritmo jenan muziksimilan strofon el „Maraj Skizoj":

Sed kiam kovriĝas per nuboj ĉielo,
Ekblovas ventego, leviĝas ondar'
Kaj bruas, rulante en tondra malhelo,
Ho, tiam mi amas vin, mar'! . . . .

*Kaethe Jahns. (E. L. A.)*

*

***Internacia Krestomatio** kun laŭartikola vortaro seslingva. Kolektis kaj eldonis A. Ajspurit, instruisto ĉe Moskva Instituto de Esperanto. — Librejo „Esperanto", Moskva. 0,175 Sm.

Jen libreto, kiu frate sin apogas al la bonega verko de Kabe (D-ro Bein) „Unua Legolibro". La rusa „Intern. Krest." havas la saman celon kiel la Kabe'a libro: ĝi estas destinita por uzo en la postkursaj kunvenoj de komencantoj. Novajo estas la seslingva vortaro, ordigita laŭ la vico de la laŭgradaj enhavaj artikoloj; en la lingvojn anglan, francan, germanan, latvan kaj rusan estas tradukitaj la dum la kurso kutime ne uzataj esprimoj. Ĉi tiu metodo estas tre laŭdinda, kaj ĝi ŝparas al la komencanto dum tiu ĉi tempo la iom karan vortaron. Ĉiuj artikoloj, longaj $1^1/_2$ paĝojn kaj malpli, estas senescepte skribitaj en plej korekta stilo, kaj — kio pleje estas interesa ĉe tiu ĉi nova rusa libreto: la diversaj artikoletoj, anekdotoj kaj rakontetoj estas tradukitaj de diverslingvanoj el la ĉefaj lingvoj. Ankaŭ la prezo estas tiom malalta, ke neniu lerninto, kiel kutime, hezitos aĉeti la libreton post fino de l' kurso.

Mi nepre rekomendas ĝin al ĉiu, kies ajn nacio li estu — kaj mi nur bedaŭras, ke mi ne jam pli frue povis uzi ĝin. *Ch. Pulvers. (E. L. A.)*

*

**La morgaŭa virino.** Dialogo originale verkita de Roksano, Vic-Ĉef-Vagabondino. — Ricevebla ĉe la aŭtorino, Beziers (Hérault), Francujo. 0,140 Sm.

Ĉi tiuj 16 paĝoj absolute ne tiom kontentigas, kiom aliaj libretoj, kiujn tradukis Roksano. Kaŭzo estas la enhavo, tion jam aludas la titolo. — Dialogo inter fratino kaj frato. Ŝi estas tre fifiera aviadistino, al kiu proponas la geedziĝon iu milionula Usonano, pagante eĉ ŝian fotografan bildon per 200 Sm. La tiurilataj, kiel la sekvantaj fieraĉajoj multe naŭzas la leganton, sed feliĉe la libreto ja estas tre malampleksa! Ŝi nun intencas edziĝi lin je si, se li estas sufiĉe maljuna, ĉar nur la milionoj allogas ŝin, ne la viro. La monon ŝi volas uzi por plibonigoj de sia aviadilo. La speciala interparolado inter la gefratoj estas sufiĉe nekontentiga. Fine la revoj pri la geedziĝa festo mem, je kiu devas asisti D-ro Zamenhof kaj S-ro Mudie kiel atestantoj, kaj la tuta, stranga aranĝo de l'festo memorigas nin pri fabeloj, sed pri fabeloj ne de infano, sed de fimoderna plenaĝa homo.

Se iu kaplablas verki originale, ŝi aŭ li do uzu ĉi tiun belan econ ne por tiaj — sensencajoj! ne valoras eĉ la presajn kostojn. Tiaj ludajoj taŭgas por la propra plezuro, sed ili ne estu presotaj. Mi bedaŭras, ke Roksano ne uzas sian kapablon por temo pli taŭga kaj pli sprita!

La stilo estas bonega kaj korekta.

*Ch. Pulvers (E. L. A.)*

*

**Eĥoj el Manila.** Aŭdotaj pere de originaloj kaj tradukoj en Esperanto de Edgar A. McClellan, oficiala tradukisto ĉe la Superega Apelacia Kortumo de la Filipinaj Insuloj. — Ricevebla ĉe la aŭtoro, P. O. Box 636, Manila. (Kontulo de Ĉekbanko.) **1,200** Sm.

Centpaĝa libro kun la bildo de la simpatia aŭtoro. Ĝi enhavas sufiĉe longan filozofiajon, tradukitan el angla lingvo, kaj dek pli-malpli mallongajn rakontojn kaj gazetajn artikolojn. La ĉefa parto estas *„La Animismo kaj la Leĝo."* Pri la enhavo de tiu parto mi nur diras, ke ĝi estas tre interesa kaj leginda filozofiado pri la origino de la religioj. La aŭtoro komparas la religion de Budeo kun la instruoj kaj rezultatoj de la eŭropaj sciencoj. Bedaŭrinde li eĉ ne ŝajnas koni la kristanismon kaj ties instruon pri la amo al Dio kaj al la proksimulo. Alie la komparo povus esti multe pli interesa por eŭropaj legantoj.

La traduko ne estas malbona, en kelkaj partoj eĉ tre bona, tamen mi renkontis amason da gramatikaj eraroj. Ankaŭ multe da novaj, nepre nenecesaj vortoj troviĝas en la libro, ekz. viktorio (venko), ekzalti (levi), respekte (en la senco de rilate al), mera (plia), divina (dia), adorni (ornami), fertila (fruktodona), vago (ondo), vigoro (forto), perturbi (malhelpi) ktp.

Ankaŭ ĉi tie ni denove energie devas postuli, ke ĉiu eldononto de verko ĝin tralegigu de kelkaj kompetentaj esperantistoj. Aŭ por kio ni havas nian Esperantistan Literaturan Asocion?

*Charlotte Pulvers. (E. L. A.)*

## Nekrologo.

La 17an de Junio mortis post longa sufero nia fidela samideano kaj kunlaboranto

**Sinjoro Otto Strutz, Stettin**

konata en nia ĵurnalo sub la nomo de *Nolte* per multaj enigmoj, kun kiuj li amuzis la legantojn.

Honoru sian memoron!

*Germana Esperantisto.*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

### No. 22.

Nombra enigmo.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 9 | 6 | 7 | unuiĝo |
| 5 | 2 | 10 | 4 | 9 | 6 | 7 | vestaĵo |
| 8 | 13 | 10 | 9 | 6 | 7 | | ilo |
| 11 | 12 | 11 | 9 | 6 | 7 | | besto |
| 1 | 9 | 6 | 7 | | | | ejo |
| 3 | 9 | 6 | 7 | | | | fera objekto |

— z.

### No. 23.

Ŝanĝproblemo.

Selo, oleo, kolero, mono, lumo, ondo, ovo, lano, taro, sudo, ofero, oro, lorno, ungo, enuo, tago.

Per ŝanĝo de po unu litero en ĉiu vorto oni formu novajn vortojn el la supre montritaj. La ŝanĝitaj literoj (laŭ la sama ordiĝo) donas nomon de fama germana poeto. *K. Tuŝinski.*

### No. 24.

Ŝtupara enigmo.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| m | | | | | | | litero |
| m | i | | | | | | pronomo |
| m | i | l | | | | | nombro |
| l | i | m | o | | | | nevidebla linio |
| m | i | e | l | o | | | io dolĉa |
| | | | | | | | movilo |
| | | | | | | | dolĉa guto |

Oni metu literojn en la kvarangulojn tiel, ke formiĝu vortoj kun la apude montritaj signifoj. Ĉiu sekvanta vorto estas formota per aligo de unu litero al la antaŭa. *Nolte.*

En la venonta numero de eldono B ni publikigos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato **al nia redaktaro, S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S. 59, Wissmannstr. 46.** — Tri el la solvontoj ricevos libropremiojn, kiujn ili povos elekti el la katalogo de nia eldonejo. (Valoro po premio ĝis 1 Sm.).

## Solvoj el la antaŭa kajero.

### No. 19.

Cimbalo.

### No. 20.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| n | | | h | | | d |
| | o | | a | | a | |
| | | t | z | m | | |
| p | o | n | a | r | d | o |
| | | s | r | r | | |
| | k | | d | | i | |
| o | | | o | | | o |

### No. 21.

Kiam koko krias sur la sterko,
En la akvo rabesaltas perko,
Tiam la vetero aliiĝos,
Aŭ konstanta restos, ne ŝanĝiĝos.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

a) de ĉiuj numeroj: F-ino Kath. Bock, Neukölln; Carl Handrich, Hellerau-Dresden; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; F-ino Else Mertens, Berlin; A. Noll, stud. phil., Münster i. W.

b) de du numeroj: referendario Arntz, Godesberg; J. Bacquet, Pihen par Guines (Francujo); Marcelle Bastoul, Autry-le-Chatel (Francujo); Paul Bennemann, instruisto, Leipzig; F-ino Maria Dreesbach, Godesberg; W. Friedemann, instruisto, Crossen b. Erlau i. Sa.; S-ino Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolo); S-ino Amtsgerichtsrat Große, Wolkenstein; Paul Krüger, Dresden; F-ino Frieda Kupfer, Lübeck; F-ino A. Maschke, Dresden; A. Neitzel, Hannover; F-ino Hildegard Nickel, Potsdam; W. Peking, termezuristo, Komotau (Bohemujo); Albert Schmieder, Dresden; H. Steding, lernejestro, Bremen-Horn; Em. Ziemann, juĝsekretario, Gnesen; F-ino Johanna Zschepank, Dresden.

c) de unu numero: Rem. Antoniolli, Levico-Trentino; Fritz Thieme, Dresden.

La premioj estas gajnitaj per loto de: S-ro Carl Handrich, Hellerau-Dresden; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig; F-ino Else Mertens, Berlin.

La gajnintoj bonvolu sciigi nian eldonejon Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40, pri la libroj, de ili dezirataj.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.